# ESPERANTO 60-JARA

SKIZO PRI LA EVOLUO DE LA
LINGVO LITERATURA

G. J. DEGENKAMP

kun du specimenaj tekstoj:

NEĜA BLOVADO

A. Puŝkin

kaj

CEZARO

(fragmento)

M. Jelušić




1947

Eldonis: Libroservo F.L.E.
Roelantstr. 4, Amsterdam-W.
Nederlando

# ESPERANTO 60-JARA

SKIZO PRI LA EVOLUO DE LA
LINGVO LITERATURA

G. J. DEGENKAMP

kun du specimenaj tekstoj:

NEĜA BLOVADO

A. Puŝkin

kaj

CEZARO

(fragmento)

M. Jelušić




1947

Eldonis: Libroservo F.L.E.
Roelantstr. 4, Amsterdam-W.
Nederlando







# ENKONDUKO.

Sesdek jarojn jam ekzistas Esperanto! Se ĝia aŭtoro kaj la pioniroj en la unua periodo de la lingvo estus sciintaj, ke post sesdek jaroj ankoraŭ ne plene realiĝos iliaj revoj pri tutmonde uzata lingvo, ili verŝajne estus seniluziiĝe rezignintaj la esperon pri realiĝo de ilia idealo.
Ili, tamen, rigardis la mondon alie ol ni. Ili sin flatis per la espero, ke iam la mondo danke akceptos ilian solvon de l' internacilingva problemo. Ni, iliaj dankoplenaj posteuloj, jam scias, ke verajn donacojn la mondo ne akceptas. Seninterrompe la homaro sin okupas pri la demandoj: kiel plejeble perfektigi la teĥnikon, kiel plej multe fari al si oportunon en la vivo, kaj precipe: kiel plej multe gajni monon. Por atingi tiujn celojn ĝi elpensas konstante novajn inventojn kaj perfektigojn, kaj krome faras la vivon konstante pli komplikita kaj konfuza. Sed en sia klopodado por solvi la plej implikitajn problemojn ĝi ne atentas la ĉiutage premantan problemon de l' internacia lingva diverseco, nek ĝian tuj akcepteblan radikalan solvon.
Ĉu tiu fakto efikas seniluziiĝe? Ne! Ĉar malgraŭ tio ni spertis, ke la mondo nin jam ne rigardas kiel utopiistojn, sed konsideras nian agadon jam serioze. Kvankam nian fincelon ni ankoraŭ ne atingis, ni tamen notis atentindan rezultaton: la ĝenerala interesiĝo estas vekita; oni konscias pri la graveco de nia afero; kaj jam ne malproksimas la tempo, en kiu oni sin okupos pri ĝi serioze por fine transpreni el niaj manoj la donacon, jam antaŭ sesdek jaroj preparitan por la homaro. Ne sen kontentiĝo ni povas rerigardi en la estintecon. Kaj precipe: kun espero kaj prava konfido ni povas rigardon en la estontecon.

Multon travivis Esperanto dum la pasintaj sesdek jaroj. Inter pluraj sukcesoj ĝi spertis ankaŭ malprosperojn. Tempojn de kreskanta anaro sekvis tempoj de ia malprogreso, kaŭzitaj ofte de gravaj mondokazaĵoj, kiuj forturnis la atenton de l' homaro de idealaj movadoj. Sed entute la linio de progreso leviĝas, se ne rapide, tamen konstante kaj certe. Sed ankaŭ sur alia tereno la lingvo travivis multon, nome interne. La lingvo, antaŭe manipulata hezite kaj ŝancele, fine akiris tian internan forton, ke jam ne ekzistas dubo pri la fakto, ke Esperanto estas lingvo, preskaŭ ĉiurilate egalvalora al lingvoj naciaj. Esperanto evoluis; ĝi adaptiĝis pli kaj pli al la praktikaj bezonoj, kaj antaŭ ĉio: ĝi montris sin inda por literatura uzado.
Jam fariĝis tempo por montri al la esperantistaro mem, kia la lingvo estis en sia infana aĝo, kaj kiom ĝi evoluis de tiu epoko por fariĝi tia, kia ni ĝin nun uzadas.
Tio estas la celo de tiu ĉi verketo.
Ni plene konsciu, ne ke Esperanto ŝanĉiĝis de sia komenca epoko, ĉar veraj ŝanĝoj ne povis okazi, dank' al ĝia fundamente fiksitaj leĝoj — sed kiom la lingvo evoluis per propraj fortoj kaj vivosukoj, akceptante el la naciaj lingvoj nur tion, kio akordiĝas al ĝia spirito kaj akcepteblas laŭ ĝiaj fundamentaj reguloj.

Tiu ĉi verketo ne pretendas havigi historian superrigardon en formo kronologia, ĉar tio ŝajnas al mi nefarebla. La lingvo evoluas en la manoj de siaj uzantoj, precipe de la literaturistoj; sed ni ne povas diri,

ke ĝia evoluo okazis laŭgrade. En la manoj de unuj verkistoj ĝi trapasis evoluon pli vastan kaj pli modernan ol en la manoj de aliaj, kiuj sin montris pli konservativaj kaj malpli aŭdacaj.
Mi klopodis verki ian skizon pri tiu evoluo, menciante certajn faktojn, verkojn, progresojn, kiujn mi prezentis en ĉapitroformaj tutoj; sed tiujn tutojn oni ne konsideru klare konturitaj periodoj! La fazoj de la lingva evoluo ne komenciĝas por finiĝi ĉe komenciĝo de nova fazo; ili kvazaŭ kunfandiĝas, ofte eĉ iras preskaŭ paralele.
Ke veraj ŝanĝoj en la lingvo ne okazis, mi pruvis, donante en la fino de tiu ĉi verketo kiel plej ekstremajn ekzemplojn pri ĝia literatura aplikado du tradukojn: „La Neĝa Blovado", de A. Puŝkin, tradukita de A. Grabowski en la unua jaro de Esperanto, tiam ankoraŭ tre primitiva; kaj fragmenton el „Cezaro", de M. Jelušić, tradukita de I. Rotkvić, kiu sciis uzi la lingvon en senco plej moderna, utiligante ĉiujn eblojn, kiujn Esperanto mem prezentas. Jam unuarigarde oni vidas la grandan diferencon inter la unua provo, hezitamane farita, kaj la dua, efektivigita kvazaŭ eksperimente por pruvi, kion Esperanto povas realigi. Kaj tamen, malgraŭ la granda diferenco, la nuna esperantisto same facile legas la unuan provon kiel la duan artaĵon. Jen kio estas vera evoluo! Ĝi estas evoluo, pri kiu ni prave povas fieri.

Amsterdam, 25-5-'47.



## RERIGARDO.

Impona arbo ne nur per si mem majestas,
Sed ankaŭ pri la forto de l' natur' atestas:
Ke ĉio granda el malgrando originas
Kaj eĉ la grandon jam la eta ĝerm' difinas.

Miriga estas la rilato inter lingvo kaj literaturo: la literaturo ĝermas kaj kreskas el la lingvo, kaj inverse la lingvo nutriĝas kaj kreskas pere de sia literaturo. Ĝi estas evoluo kaj reciproka evoluigo. La historio pruvas al ni, ke lingvoj, parolataj eĉ de malgrandaj nacioj, ne pereas eĉ malgraŭ kelkcentjara subpremado, se tiu lingvo havas literaturon, kiu, spirite nutrante la lingvon, konservas ĝin viva eĉ en la plej malfavoraj cirkonstancoj.
En la unuaj jardekoj de l' ekzisto de Esperanto kelkaj ĝiaj kontraŭuloj jam profetis ĝian baldaŭan morton, ĉar — ili diris — lingvo sen literaturo ne estas vivipova, ĝi nepre mortos. En tio ili plene pravis: sen literaturo neniu lingvo povas longe vivi. Sed kompreneble ili eraris pri tio, ke Esperanto ne havas literaturon. Kvankam tiutempe ĝia literaturo estis ankoraŭ en junaĝa stato, ĝi tamen ekzistis kaj portis en si la ĝermojn de abunda diskresko kaj plena evoluo.
Nun, post sesdekjara ekzisto de Esperanto, ni, esperantistoj, malfacile povas imagi la cirkonstancojn kaj kondiĉojn, en kiuj la lingvo tiutempe ekzistis kaj malgraŭ forta konstraŭstaro kaj inerteco tamen progresis. Ni, esperantistoj nuntempaj, vivas, kredas kaj agadas, kvazaŭ la nunaj cirkonstancoj kaj la nuna stato de la lingvo ĉiam estis tiaj, kiaj nun. Nun ekzemple al neniu serioza homo venas en la kapon la ideo proponi ŝanĝojn en la lingvon. Sed en la unuaj jaroj de l' ekzisto de Esperanto ĝiaj adeptoj ne ĉiuj estis tiom trankvilaj pri la sorto de la lingvo kaj tiom kontentaj pri ĝiaj formo kaj spirito, kiom nun. Jam tiam Esperanto povis fieri, havante en sia anaro homojn eminentajn en scienca, literatura kaj aliafakaj kampoj. Sed pluraj tiaj homoj ne estis kontentaj pri la formo kaj aspekto de la lingvo kaj tiumotive proponis modifojn, ŝanĝojn, aldonojn, ĉar — kiel diris unuj — en sia nuna formo Esperanto ne taŭgas por la scienco, ĉar — kiel diris aliaj — pro siaj simpleco kaj kvazaŭa rigideco Esperanto neniam estos literatura lingvo; kaj ĉiuj klopodis tiri la lingvon al sia flanko, ne konsciante, ke, farante tiel, ili disŝirus ĝin kaj kondamnus ĝin al pereo.
Ĉi loke ni esprimu grandan kaj sinceran laŭdon al la aŭtoro de Esperanto pro la nura fakto, ke li bazis la lingvon sur fiksa kaj neŝancelebla fundamento: sur „Fundamento de Esperanto"! Ĉar, kvankam komencatempe pluraj kritikis, eĉ kondamnis la fundamenton, klopodante argumenti, ke ĝi baras la vojon kontraŭ vera evoluo de la lingvo, tamen iliaj profetaĵoj pruviĝis eraraj. Male, ne baro evidentiĝis la fundamento, sed bazo, sur kiu evoluo estas ebla, ĉar estante instigo kaj kuraĝigo al esperantistoj, agantaj sur kampoj scienca, teĥ-

nika kaj literatura, por aktive, fervore kaj trankvile pliriĉiĝi la lingvon interne de la limoj de ĝia fundamento.
Kaj jen: kvazaŭ nerimarkate nia lingvo travivis jam sesan jardekon. Senskue, sensalte kaj senbrue ĝi evoluis al sia nuna stato de lingvo uzebla en ĉiu kaj ĉia fako de l' kulturo. Ni jam ne miras, kiam iu scienculo aperigas gravan sciencan artikolon en Esperanto. Male, ni povas miri nur pri tio, ke ne ĝenerale la scienco adoptas la lingvon anstataŭ la nun uzata miksaĵo de duone modernigita latingrekaĵo. Ĉar Esperanto posedas unu econ, kun kiu neniu lingvo nacia estas komparebla: ĝi estas la plej simpla kaj samkaze la plej riĉa kaj la plej esprimkapabla inter ĉiuj lingvoj.
Paŝon post paŝo ni venis al la nuna stadio de la lingvo. Sed rerigardante en la pasintecon, en la tempon, en kiu sinofere kaj sindediĉe agadis niaj pioniroj, ni ne povas ne konfesi, ke tiuj sesdek jaroj ŝajnas al ni salto, saltego, ĉar fluge rapidas la tempo, sed multo, multego okazas en ĝi.
Rigardante posten, ni image vidas pasantaj la grandajn figurojn, kiuj kreis la Esperantan literaturon, homojn, el kiuj kelkaj jam ne vivas en tiu ĉi mondo, kiel ekzemple la aŭtoro de Esperanto, d-ro Zamenhof, nia unua literaturisto, homojn, el kiuj aliaj forlasis nian movadon, kiel la serioza laborulo Kabe. Sed iliaj spiritaj produktoj restis al ni: iliaj originaloj kaj tradukoj.
Ĉi rilate ni devas kun iom da honto konfesi, ke ni, modernaj esperantistoj, ĝenerale ne sufiĉe ŝatas laŭvalore la verkojn de niaj klasikuloj. Interne de ĉiu homo okazas batalo inter la ideoj antikvaj kaj modernaj. Longtempe la ideo antikva tenas nin kaptitaj, sed kiam fine venkas la ideo moderna, ĉi lasta nin tiom forte okupas, ke ni preskaŭ perdas la kapablon ŝati ankoraŭ la malmodernon, la klasikon, la historian fonton de ĉio nova. Ankaŭ ni, esperantistoj, ĝenerale tiom entuziasmiĝas pri la ĉiurilata adapteblo de Esperanto al la modernaj postuloj, ke ni apenaŭ atentas la originon de nia nuna literatura lingvo. Kaj se ni iafoje, en trankvila momento, trafoliumas verkon de Zamenhof, ni mire konstatas, ke ĉio, kio kun moderna aspekto trudiĝas al ni, en vero jam ĝerme kaŝiĝis en la lingvo klasika. Volonte ni diskonigas pri ĵus aperintaj verkoj modernaj, kiel iliaj aŭtoroj aŭ tradukintoj lerte scias utiligi ĉiujn eblojn, kiujn prezentas la vortfarado, la gramatiko kaj la sintakso por esprimi la plej delikatajn nuancojn de pensoj kaj ideoj. Sed — kun sincera laŭdo al tiuj modernaj verkistoj — ni nun turnu nin al la klasikuloj por rigardi, pripensi, studi, kion ili ellaboris kaj produktis. En vero ili jam faris la saman, kian niaj nunaj literaturistoj, kvankam ne tiom grandskale. Sed aliarilate ili faris eĉ multe pli: niaj nuntempaj verkistoj aplikas sian arton al lingvo jam antaŭe provita. Ili plukonstruas, ornamas, poluras la lingvon, sur bazo jam antaŭ longe por ili preparita. Kontraŭe, la laboro de la unuaj literaturistoj estis pionira: ili ne povis disponi pri tia bazo, pri spertoj de antaŭuloj. Estis ĝuste ilia tasko konstrui tiun bazon. Kaj el iliaj spertoj profitas la nuntempuloj!
Tro facile ni inklinas nomi eraraj aŭ mistrafaj diversajn formojn kaj esprimojn de Zamenhof kaj aliaj pioniroj. Sed ĉe tio ni ofte forgesas la grandegan diferencon inter ilia tasko kaj la laboro de iliaj



posteuloj. Ili devis mediti, serĉi, esplori, kompari, provi, ĉu ia aŭ alia formo taŭgas aŭ ne. Iliaj posteuloj jam prenas, elektas el la abundo da formoj, kreitaj antaŭ ili. La unuaj literaturistoj devis kvazaŭ palpe kaj hezite iri sur vojo ĝis tiam nekonata. Facile estis erari — malfacilege sukcesi. Sed ili tamen sukcesis, ĉar la vojon ili preparis por niaj nuntempaj verkistoj, kiuj bezonas nur plibeligi ĝin.

Tia estas la evoluo de nia literatura lingvo dum sesdek jaroj: ne ŝanĝoj nek skuoj, ne aldonoj nek tordoj, sed paŝon-post-paŝa irado, disflora kreskado el unu simpla, sed vivodona fonto.
Ni ne silentu pri la provoj de kelkaj literaturistoj enkonduki novaĵojn, eĉ strangaĵojn en la lingvon uzatan de ili. Certe, pluraj aŭtoroj opiniis, ke nepre necesas enkonduki ian vorton aŭ gramatikan formon, esence kontraŭan al la spirito de la lingvo. Sed ĉiufoje montriĝis, ke personaj preferoj ne ĝenerale akceptiĝas. Dum la forpaso de tiuj sesdek jaroj ni vidis jam multajn nove proponitajn formojn, pri kiuj iliaj proponintoj entuziasmiĝis kaj batale varmiĝis, sed pri kiuj la kontraŭuloj sin maltrankviligis, timante, ke la lingvo estas en danĝero. Sed maltrankviliĝi ni ne bezonas. Ĉiuj novaĵoj, kiuj iel tuŝis la fundamenton de la lingvo, evidentiĝis efemeraj: ili venis, sed jam baldaŭ mortis sian naturan morton, ĉar lingvo ne toleras revolucion; lingvo povas nur evolui. Ĉiun balaston ĝi mem forĵetas, akceptante nur tion, kio konvenas al ĝi, ĉar akordiĝas al ĝia spirito.

## LA FONTO.

El koloro nacia kaj ĉarmo varia,
Teksitaj kun zorgo konstanta,
Kaj laŭ art' gramatika, el fonto logika
Naskiĝis la stil' Esperanta.

Se ni parolas pri la literaturo de iu popolo, ni komprenas per tio la diversajn literaturajn produktojn de tiu popolo mem, sed ĝenerale ne la verkojn, tradukitajn en ĝia lingvo el lingvo alia.
La literaturo estas kvazaŭ la konkretiĝinta spirito de iu popolo. En sia literaturo ĉiu popolo esprimas siajn sentojn, dolorojn kaj ĝojojn, sian tutan vivon. Kontraŭe, la tradukitaj verkoj ne esprimas la spiriton de l' popolo, en kies lingvo ili estas tradukitaj, sed ili estas la spirita posedaĵo de l' popolo, kiu kreis ilin.
La Esperantan literaturon, tamen, oni rigardas ĝenerale el alia vidpunkto. Kial? Nu, unue evidente propagandacele. Estas kompreneble, ke la esperantistoj, precipe en la komenca periodo, en sia propagando bezonis mencii grandan kvanton da libroj, jam aperintaj en Esperanto. Se tiu nombro ampleksus nur la originalajn verkojn, ĝi estus tiutempe ne menciinda pro malgrandeco. Da tradukitaj verkoj jam frue aperis pli multe ol da originalaj, kaj kompreneble kun ia fiero la esperantistoj volonte menciis ĉiujn kune kiel produktojn Esperantajn.
Sed tiu argumento ne sufiĉas por pruvi, ke tradukoj efektive apartenas al nia literaturo! Ekzistas tamen motivo alia, pli prava, por rigardi ankaŭ la tradukojn en Esperanto parto de nia literaturo: ĉiu popolo kreas sian propran literaturon. Sed esperantista popolo aŭ nacio ne ekzistas. La Esperanta literaturo estas kreita kaj evoluigata de ĉiuj popoloj, partoprenantaj en la vivo Esperanta. El tio rezultas, ke la originala Esperanta literaturo ne estas egalrajte komparebla kun literaturoj naciaj; ĝi estas fakte diversnacia, kaj nur po iom kreskas el tiu diversnacieco vera internacieco aŭ supernacieco de nia literaturo. Kaj pro tiu diversnacieco oni facile komprenas, ke la esenca diferenco inter originalaj kaj tradukitaj verkoj en Esperanto ne estas tiom granda, kiom en iu nacia lingvo.
Ankoraŭ tria motivo ekzistas por prave rigardi la tradukitajn verkojn kiel parton de l' Esperanta literaturo: Tradukante nacilingvan verkon en alian nacian lingvon, la tradukanto klopodas plej eble konservi la originalan nacian koloron, sed devas — por ke la traduko estu facile komprenebla — anstataŭigi multajn naciajn esprimojn per sam- aŭ similsencaj esprimoj de la lingvo, en kiun li tradukas. Sed la esperantisto, tradukante el nacia lingvo en Esperanton, agas iom alie. Li ne simple transmetas ideojn el unu nacia formo en alian, sed klopodas trovi por nacia esprimo formon plej konvenan en Esperanto, konforman al ĝia logika spirito. Multege da tiaj specialaj Esperantaj formoj, reprezentantaj naciajn esprimojn, jam kreiĝis dum



la daŭro de l' ekzisto de la lingvo. Sed ĉiu traduko alportas ankoraŭ novajn. Aliavorte: la esperantista tradukanto kreas formojn, kio estas tiom pli malfacila, ĉar la Esperantaj formoj estas aliakarakteraj al nacilingvaj. En ili ja konserviĝis la belo de naciaj esprimoj, sed krom tio ili alprenas pli malpli logikan sencon. Kaj ĝuste pro tio lasta: la logikeco, ni povas prave diri, ke la tasko de l' esperantista tradukanto postulas pli grandan ekzaktecon, pli ĝustan komprenon pri la logika senco de l' tradukota materio ol la tasko de kiu ajn alia tradukisto. Se tradukado en si mem jam estas arto, la esperantista tradukanto devas posedi tiun arton en tiom pli alta grado. Kaj konforme al tio la tradukaj produktoj en Esperanto havas — aŭ almenaŭ devas havi, ĉar kompreneble ne ĉiuj estas bonaj — specialan karakteron: logike Esperantan, kun kiu neniu traduko nacia estas komparebla.
Se en Esperanto ekzistus nur originalaj verkoj, sed neniu traduko, sendube la lingvo estus pli altnivela el scienca vidpunkto, ĉar eble plej pure logika, sed la literatura lingvo neniam estus akirinta la diversnacian ĉarmon, pri kiu ĝi nun povas fieri. La bonaj tradukoj kontribuis eble pli multe al la evoluo de Esperanto ol la originaloj. Ni ne povas malhavi ilin. Kaj kiu asertus, ke la kernon de la Esperanta literaturo formas nur ĝiaj originaloj, tiu nepre malpravus. Nia literaturo baziĝas egalgrade sur ambaŭ. El la pura logiko de l' originalo, miksita kun la nacia koloro de l' traduko, naskiĝis la vere Esperanta spirito de nia literaturo ĝenerale.

## EKSPERIMENTOJ.

Kiom da forto, kuraĝo, talento
Unuaj verkistoj ja devis bezoni,
Por ke sukcesu la eksperimento,
Pri kies rezulto ni povas disponi!

El la antaŭa ĉapitro facile konkludiĝas, ke ne necesas mencii kiel unuajn Esperanto-verkojn nur originalojn. La tradukoj estas egalvaloraj. El la karaktero de l' ĵus kreita internacia lingvo rezultis, ke ĝia aŭtoro kaj unuaj adeptoj pli multe okupis sin pri tradukado ol pri rekta verkado. Ilia unua kaj ĉefa tasko ja estis konvinkiĝi mem kaj pruvi al aliaj, ke la nova lingvo taŭgas por ĉiaj celoj, ke ĝi ne estas malpli valora ol naciaj lingvoj. Por konvinkiĝi pri tio ili bezonis ekzaktan kaj vastan komparadon. Kaj kiu komparado inter lingvoj estas pli efika kaj utila ol tradukado? Se la unuaj esperantistoj sukcesos pruvi al la mondo, ke oni povas esprimi en Esperanto precize la samajn nuancojn de pensoj kaj sentoj kiel en naciaj lingvoj, la mondo ne rajtos riproĉi al Esperanto malpli altan valoron. Tiel sendube opiniis Zamenhof kaj liaj unuaj samideanoj. Kaj el tiu koncepto rezultis la unuaj tradukoj, kiuj devis decidi pri la sorto de la lingvo.
La unua Esperanto-libro, kiu surprizis la mondon, estis lernolibro por rusoj „Unua libro de Esperanto". En ĝi la aŭtoro, d-ro Esperanto (pseŭdonimo de Zamenhof), donacis la unuajn specimenojn de la literaturo. Ne multaj ili estis, sed tiom pli gravaj kaj valoraj. La libro enhavis i.a. liajn originalajn poemojn „Ho, mia kor" kaj „Mia Penso", krome tradukojn el Heine kaj el la biblio, la preĝon „Patro Nia" kaj modelon de letero.

Ho, mia kor', ne batu maltrankvile,
El mia brusto nun ne saltu for!
Jam teni min ne povas mi facile,
Ho, mia kor'!

Ho, mia kor'! Post longa laborado
Ĉu mi ne venkos en decida hor'!
Sufiĉe! trankviliĝu de l' batado,
Ho, mia kor'!

Simpla, ĉarma, sentoplena poemeto! Ne malpli bela estas „Mia Penso". Ambaŭ poemoj, kaj tiel same la poste verkitaj poemoj de Zamenhof, estis la plej bona pruvo, ke la nova lingvo perfekte taŭgas por esprimi en ĝi la plej delikatajn pensojn, eĉ poezie.
Ke inter la unuaj originaloj troviĝas multaj poemoj, ne povas mirigi nin. Niaj pioniroj estis idealistoj, kaj kiu idealisto ne sentas bezonon esprimi siajn kordezirojn en poezia formo!
La poetan arton Zamenhof perfekte majstris. El lingva vidpunkto



ĉiuj liaj poemoj reliefiĝas per delikata harmonio de sonoj, agrabla kadenco kaj mola ritmo. Malofte li uzis la al poetoj permesitan liberon elizii finvokalon. Kaj krome liaj poemoj estas liberaj de naciismoj, kiuj pruviĝis neeviteblaj en liaj prozaj tradukoj.
Kvankam Zamenhof, antaŭ ol publikigi sian lingvon, jam ekzakte provadis ĝin — li mem diris, ke komence la lingvo aspektis al li rigida, pro kio li konvinkiĝis, ke li bezonas ankoraŭ elprovi ĝin kaj ŝanĝi multon en ĝi, por ke ĝi akiru fluan formon — tamen, eĉ post ĝia apero pruviĝis ankoraŭ, ke la lingvo estas iel mankhava. En „Unua Libro" troviĝas kelke da vortoj kun alia formo aŭ signifo ol la poste uzataj, ekz.: *erari (vagi), speri (esperi), stalo (ŝtalo), ŝtofo (materio), tombi (fali), vaksi (kreski), vinki (venki).* En la postaj verkoj de Zamenhof tiuj provaj formoj malaperis. Krome Zamenhof ŝanĝis unu serion da korelativoj *(ian, tian* k.t.p. fariĝis *iam, tiam* k.t.p.*).*
Ni scias, ke la subita eltrovo, kiun Zamenhof faris: formi la pli grandan nombron da vortoj pere de afiksoj — savis lin el la embaraso de l' granda vortaro. Kvankam ankaŭ la modernaj lingvoj posedas afiksojn, ilia aplikado estas tre neregula, nekonsekvenca, eĉ ĥaosa. Zamenhof sukcesis krei logike ĝustajn regulojn por siaj afiksoj. Sed montriĝis, ke praktike li aplikis ilin pli ofte ol necesas. Por tiu fakto ni povas trovi diversajn klarigojn: unue, li kredeble deziris limigi la nombron da radikvortoj, el kio rezultis, ke multajn signifojn, por kiuj ni nun havas apartajn vortojn, kaj por kiuj ankoraŭ jen kaj jen aperas neologismoj, Zamenhof esprimis helpe de afiksoj. Due, evidentiĝis en la verkoj de l' aŭtoro, precipe en liaj unuaj provoj, la slava lingva influo. Tiurilate rimarkindaj estas la afiksoj *ek* kaj *ad*, oftege uzataj de li. Kaj trie, ni neniam forgesu, ke la unuaj literaturaĵoj estis unuavice provoj, eksperimentoj. De provoj oni ne povas postuli stabilecon. Se por ia signifo, ekzemple, Zamenhof formis vorton kun la sufikso *ad*, tiu fakto neniel estas motivo por ankoraŭ nun uzi ĝin samcele.
Ofta eraro de pluraj esperantistoj estas: rigardi la lingvan uzadon de l' aŭtoro de Esperanto el sia nuntempa vidpunkto. Ĝi estas precize la sama eraro, kian faras multaj kristanoj koncerne sian biblion, konsiderante ĝin laŭvorte kiel destinitan por la nuntempo. Sed, rigardante la biblion kvazaŭ per okuloj el la epoko, en kiu la bibliaj libroj estis skribataj, ni komprenas ilian sencon pli bone. Estas do tre dezirinde, ke ankaŭ la esperantistoj klopodu rigardi la lingvan uzadon de Zamenhof el vidpunkto liatempa kaj liacirkonstanca. Farante tion, ili komprenas ĝin tiom pli bone; kaj formoj, kiuj aliaokaze ŝajnus rigidaj, krudaj, eĉ tro artefaritaj, aperas tiuokaze kompreneblaj kaj pro la cirkonstancoj tute praviĝeblaj.
Ni memoru la grandan nombron da derivaĵoj de l' radiko *san'*, kiun prezentas al ni la lasta ekzerco en „Ekzercaro". Eble eĉ ne duono de tiuj formoj estas praktike uzebla. Tamen tiu ekzemplo havis ian valoron: ĝi pruvis la utilon de l' afiksaro, ne nur por fari tradukojn, sed eĉ por formi vortojn, ne havantajn ekvivalenton en la modernaj lingvoj.
Kvankam al „Ekzercaro" oni ne devas atribui literaturan valoron, oni tamen agnosku, ke ĝi estas konstanta bazo por la praktika uzado de la lingvo, inkluzive de la lingvo literatura.
Sed ankoraŭ pli interesan materialon el studa vidpunkto prezentas

la t.n. „Dua Ekzercaro", aperinta pli frue ol la oficiala ekzercaro („Ekzercaro" aperis en 1894a kaj „Dua Ekzercaro", kiel parto de „Dua Libro de l' Lingvo Internacia" jam en 1888a). En tiu verketo, ampleksanta nur 16 ekzercojn, troviĝas diversaj formoj, pri kies neĝusteco oni nun jam ne dubas *(se ĝi ne estos malbonsone*, 3-10; *ĝi estis jam tro malfrue*, 6-9; *amase stari estas malpermesita*, 11-2; sed: *lin ofendi estas danĝere*, 12-2; *kio(m) vin interesas mia farado?*, 16-1; *naskita la dudekduan Februaron*, 4-13; *Karlo aĉetis pro (por) sia kuzino horloĝeton*, 3-17; *tri milionoj (da) kristanoj*, 4-18; *vi gajnis la grandan gajnon (premion)*, 7-26). Tre rimarkindaj en tiu libreto estas ankoraŭ la uzo de l' prepozicio *je* kiel sufikso *(la bovo jelaboras la kampon*, 13-27); la ĝenerale ofta uzado de *je*, kie ni nun uzas *pri, pro* aŭ *kun;* la ĝusta klarigo pri *sidiĝi;* la uzo de akuzativo post *po (li donis po kvin dolarojn*, 4-29); kaj fine la apliko de l' prefikso *ge (gedoktoroj N.*, 12-18. Oni sciu, ke komence Zamenhof ne atribuis al *ge* la signifon, kiun ĝi nun havas, ekz.: *gefratoj* estas *frato(j)* kaj *fratino(j)*, sed *ge* signifis *geedzojn*, ekz.: *gedoktoroj N. estas doktoro N. kun sia edzino).* Mi aldonu, ke *je*, uzita prefikse, ripetiĝis en la Zamenhofa traduko „La Batalo de l' Vivo" (*ŝi jeĵuris min*, 8-12).

Oni ne kredu, ke la unuaj literaturaj eksperimentoj devenas nur de Zamenhof! Jam en la unuaj jaroj post sia apero la lingvo akiris adeptojn inter literaturistoj. Inter la plej talentaj ni menciu nur Antoni Grabowski, Felix Zamenhof, Devjatnin, Kofman.
Dum kiam sur literatura kampo la unuaj esperantistoj praktikis la lingvon iom hezite inter la pli malpli fiksitaj limoj gramatikaj, Grabowski estis la unua, kiu donis fortan puŝon al plejeble vasta eluzado de la ebloj, kiujn prezentas la Esperanta gramatiko super ĉiuj aliaj lingvoj. Li estis la „modernulo" inter la klasikuloj kaj liaj lingvaj eksperimentoj kreis la bazon por posta pli ekzakta ellaboro de la gramatiko.
Lia unua traduko, „Neĝa Blovado" de Puŝkin, estas speciale rimarkinda pro tio, ke konserviĝis en ĝi la primitiva, kvazaŭ hezita moviĝo sur kampo ankoraŭ tre nova, sed dume jen kaj jen montriĝis en ĝi la ĝermoj de posta evoluo. Inter kelkaj vortoj kaj esprimoj, parte eraraj aŭ jam elmodiĝintaj: *bordo (= rando) de l' tombo, kontraŭen (= renkonte), ekreĝi (= ekreĝi), epoĥo (= epoko), miriĝo (= miro), sen sentoj (= senkonscia), estas permesita (e) al ŝi ĵeti, kion faras (= kiel fartas) via kapo? diskuŝigi (= ludi) kartojn* k.a., ni trovas jam bele formitajn frazkonstruojn, kiuj beligus eĉ modernan verkon. Ankaŭ ne mankas naciaj dirmanieroj, pli malpli internacie kompreneblaj: *morte amanta, ili sin vidis je kvar okuloj* k.a. Ne estas mirige, ke homo, kiu sciis tiom arte manipuli lingvon en ĝia ankoraŭ iom primitiva formo, dum la daŭro de sia multjara literatura praktikado kapablis doni ĝustan direkton al la uzado de la lingvo, pruvante ĝian elastecon en maniero nekomparebla. Sed pri tio en posta ĉapitro.
Same kiel Zamenhof, ankaŭ Grabowski estis majstro en la poeziarto. Lia „Tagiĝo" restis ĝis nun unu el la plej admirinde belaj perloj de tiu arto. Poemoj, kiaj „Tagiĝo", kaj la Zamenhofaj „Preĝo sub la Verda Standardo" kaj „La Vojo", jam per si mem povus konvinki la plej inertan pesimiston pri la beleco de la lingvo internacia.



Alia persono, kiu eble pli multe kontribuis al la lingva evoluo ol oni publike scias, estas Felix Zamenhof, la frato de nia Majstro. Sen ia dubo li estis la unua, kun kiu lia frato eksperimente uzis la lingvon buŝe kaj preparis kun li la unuajn provojn literaturajn. Liaj plumproduktoj troviĝas precipe dise semitaj en kelkaj Esperantaj gazetoj, i.a. en „Pola Esperantisto". Nur en 1937a aperis, sub lerta redakto de E. Wiesenfeld, la plena verkaro de Felix Zamenhof. El tiu ĉi rimarkinde granda kolekto ni povas konstati, ke lia stilo nur tre malmulte diferencas de tiu de la Majstro mem.

De Kofman konserviĝis al ni nur kelkaj klarstilaj poemoj kaj tradukoj, kiuj tamen sufiĉas por pruvi, ke li estis multpromesa pioniro. Li tamen poste forlasis Esperanton por fordoni sin al Ido kaj pli poste al Occidental. De li ni konas partajn tradukojn de „Iliado" kaj de „Faust" de Goethe.

Pli ampleksa estas la literatura agado de Devjatnin. Li tradukis kelkajn verkojn de la rusa verkisto Puŝkin: „Boris Godunov", „Poltava" kaj „Ruslano kaj Ludmilo", plurajn poemojn; kaj el la amaso da originaloj ni menciu nur „Edziĝo", „Nefinita Dramo", „Nevola Mortiginto", „Unuaj Esperanto-Satiroj", „Esperanta Afiksaro".

## LA KLASIKULOJ.

El streĉa laboro, penado senfina
Sukcese formiĝis en form' origina
Klasika verkaro, konsila modelo
Pri stil' Esperanta, pri simplo kaj belo.

La Esperanto-movado faris siajn unuajn progresojn. Literaturistoj kun famaj nomoj kontribuis al plialtigo de ĝia literatura nivelo. Gramatikistoj zorge ellaboris naciajn lernolibrojn, por kiuj ili bezonis distili novajn lingvajn regulojn el la 16-regula gramatika bazo de Zamenhof. Aperis tradukoj; aperis originaloj. Eldoniĝis gazetoj kaj aliaj presaĵoj. Sed ne ĉio, per kio la literaturo vastiĝis, ankaŭ riĉiĝis ĝin! Inter lingvo nature kreskinta kaj lingvo arte farita ekzistas unu granda diferenco: en la unuaj formiĝis ia normo kun fiksitaj limoj, kiujn trapasi al neniu estas permesite, sub minaco, ke la pekanto faros sin publike ridinda. Lingvo artefarita tamen, kiom ajn zorge ellaborita, en si mem ne havas tian normon. Zamenhof ne estis diktatoro; doninte siajn regulojn, li mem tamen libere uzadis la lingvon, eĉ tiom libere, ke la leganto ofte demandas al si: ĉu Zamenhof eble intence faris evidentajn erarojn por ne fortimigi tiujn, kiuj ne jam kutimas logike apliki la lingvon? En ĉiuj siaj verkoj, originalaj kaj tradukitaj, Zamenhof pruviĝis majstro. Se ni malgraŭ tio tamen trovas erarojn, neklarigeblajn el la fakto, ke Esperanto vivis ankoraŭ en sia junaĝo, pro kio ni povas rigardi plurajn formojn sukcesintaj aŭ ne sukcesintaj provoj, do certe ekzistis alia grava kaŭzo, pri kiu ni povas fari nur konjektojn. Sendube Zamenhof antaŭvidis multe kaj pro tio ne volis ligi la evoluon al tro rigidaj paragrafoj. Al siaj adeptoj li konsilis malavare, sed tiamaniere, ke al ĉiuj restis ia libero por apliki la lingvajn regulojn laŭ ia persona koncepto. Ne estas do mirige, ke en la popularan uzadon de la lingvo jen kaj jen enŝoviĝis tro naciaj formoj kaj tro persongustaj interpretoj.

Tute sen ia gvidado la esperantistoj tamen ne estis. Kvankam la lingve distinga povo de la tiamaj esperantistoj ne jam atingis la nivelon de l' nuna esperantisto, tamen jam evidentiĝis, ke oni pli kaj pli direktas sian lingvan uzadon laŭ kelkaj elstaraj aŭtoroj. En la antaŭa ĉapitro mi nomis Zamenhof kaj lian fraton, Grabowski kaj aliajn. Sed venis ankoraŭ pliaj literaturistoj, kies verkoj fariĝis modeloj, ne nur por la tiamaj esperantistoj, sed eĉ por la nuna tempo moderna.

Kiu ne konas „La Faraono", majstran tradukon de K. Bein (Kabe), verkon, kies stilan belecon ne superas eĉ unu el la plej modernaj libroj! Komplikitan stilon kaj konfuzajn frazkonstruojn Kabe ne konis. La plej malsimplajn naciajn formojn li sciis majstre rekrei en simplan kaj agrable legeblan Esperantan veston. Post Zamenhof li donacis al ni la plej belajn modelojn pri stilo kaj arta tradukado; ialoke eĉ ŝajnas, kvazaŭ li superas en tio la majstron mem.



Kabe, bedaŭrinde, donacinte al ni kelke da literaturaj perloj kaj bonegan vortaron — laŭ kies modelo poste estis kompilata „Plena Vortaro" — forlasis Esperanton, seniluziiĝita.

En la stilo de Maria Ŝidlovskaja ni vidas kvazaŭ la evoluon de la lingvo mem. Ŝia traduko „Princo Serebrjanij" de A. Tolstoj prezentas la lingvon en ĝia primitiva formo, plena de arĥaismoj, sed same traplektita per artaj tradukoj de karakterize naciaj dirmanieroj. Ŝiaj poste aperintaj tradukoj, „Sonĝo de Makaro" de Korolenko kaj „La Kapitanfilino" de Puŝkin, gramatike superas la unue nomitan verkon. Ilia stilo estas simpla, bela kaj ĉiurilate modela. Menciinde estas, ke ŝia traduko „La Senlingvulo" de Korolenko duaeldone aperis kontrolita de „Literatura Komitato".

Ankoraŭ aliaj nomoj estas ĉi loke menciindaj: Leo Belmont, A. Dombrowski, E. de Wahl, kiu poste, forlasinte Esperanton, projektis la lingvon Occidental, I. Ŝirjaev (ps. Ivan Malfeliĉulo), A. Zakrzewski, J. Wasniewski, M. Goldberg, L. Meier k.a. Ĉiu el ili pli malpli kontribuis al modela perfektigo de l' Esperanta stilo kaj la nomoj de tiuj ĉi pioniroj restas en danka memoro de ĉiu literaturama esperantisto.

## MODELO.

Floroj belaj, plurnacie,
Prozaj kaj de poezi',
Kolektiĝis harmonie
En buked: Krestomati'.

Ĉiu idea movado, ĉu religia, politika aŭ aliatendenca, elkreskinte sian krean periodon, trapasas ian krizon, el kia ofte rezultas pli malpli danĝeraj skismoj. Ĉar Esperanto estas pli ĝuste idea movado kun humana tendenco ol nur ia eltrovo kun praktika celo, Zamenhof jam antaŭvidis, ke ankaŭ Esperanto kaj ĝia movado trapasos krizojn, kiuj povus fariĝi fatalaj al la lingvo. Se iom granda skismo minacos Esperanton, la internacilingva ideo pereos por multaj jaroj, tiel sendube pensis Zamenhof, kaj el diversaj liaj agoj evidentiĝas, ke li nepre volis eviti tian danĝeron. Zamenhof ja komprenis, ke la kampo de artefarita lingvo prezentas bonvenan kaj konvenan okazon al tiuj homoj, kiuj ŝatas ellabori proprajn opiniojn kaj konceptojn pli ol discipline sekvi la konsilojn de neordonema aŭtoro.
Ordonema Zamenhof neniam estis. Ĉiam li konsilis, lasante al petintoj pri lia opinio plejeblan liberon. Sed tiun liberon li konsekvence permesis ankaŭ al si mem, kion pruvas liaj tradukoj kaj unuavice liaj originalaĵoj.
Rimarkinde estas konstati, kiel la lingvo en liaj manoj jam trapasis la komencon de sia evoluo. Pluraj vortoj kaj gramatikaj formoj, komence uzitaj de Zamenhof, po iom cedis al formoj aliaj. Stranga fenomeno en tio estas, ke iafoje eĉ formo gramatike pli ĝusta cedis al malpli ĝusta. Kiel ekzemplon mi menciu la oftan uzadon de adjektivo anstataŭ adverbo en ĉefaj propozicioj, kies subjekto aŭ objekto estas dependa propozicio: *Por mi persone estus kompreneble multe pli oportuna teni la sorton de l' lingvo internacia en miaj manoj* („Originala Verkaro", 36-32); *sed tute ne estas postulata, ke vi aŭ via adresito sciu la lingvon francan* (O.V., 36-16); *ĉar krei ilin mem estus ne permesita* (O.V., 35-40); *estus dezirinda, ke tiaj aliformigoj estu farataj* (O.V., 53-21); *estos teorie decidita ĉu viaj proponoj estas bonaj* (O.V., 61-25); *Schleyer ne trovis necesa fari* (O.V., 267-38). Pro kio Zamenhof poste preferis la adverban formon, ni ne scias. La adjektivan imitis nur kelkaj aŭtoroj, inter kiuj Kabe en iaj adjektivaj adverbaj komplementoj, kia: *mi opinias bona, ke....*, do evidente nur por eviti miskomprenon kun *bone opinii.*

Estas vere, ke la lingvo akiris sufiĉe stabilan formon, kiu povas esti modelo por poste venontaj adeptoj. Pluraj aŭtoroj kaj tradukantoj donacis al la esperantistoj siajn literaturajn produktojn kaj estis antaŭvideble, ke la juna Esperanto-literaturo rapide kreskos. Sed tiom longe, kiam ne ekzistis ia modelo kvazaŭleĝe validanta por ĉiuj esperantistoj, minacis la danĝero, ke venontaj esperantistoj traktos la lingvon tro libere, kio povus kaŭzi disfalon en dialektojn.



Por kiom eble eviti tian danĝeron Zamenhof preparis „Fundamenta Krestomatio", do kun la celo, ke ĝi servu al ni kiel modelo de stilo. Al la enhavo de tiu ĉi verko mi ne bezonas ĉi loke dediĉi multe da vortoj, nek al ĝiaj simpla stilo kaj gramatikaj formoj, ĉar ĉiu esperantisto rigardas atentan tralegon de tiu libro sia morala devo. Sed mi dediĉu iom da atento al la jenaj du faktoj: pri F.K. regas diversaj eĉ inter si kontraŭaj opinioj; kaj due, malgraŭ tio F.K. perfekte plenumis kaj ankoraŭ plenumas sian taskon.
La opinioj pri F.K. estas tre diferencaj. Ekzistas esperantistoj, kiuj konsideras F.K. malnoviĝinta, eksmoda. Laŭ ilia opinio ĝia stilo kaj precipe ĝiaj gramatikaj formoj ne povas plu servi kiel modelo por la nuna tempo. Kelkaj eĉ kritikas la erarojn en la verko kaj malaprobas multajn dubindajn gramatikajn formojn. Kontraŭ ili staras alia ekstremo: la „fundamentistoj", esperantistoj, kiuj ĵuras ĉe ĉio, kion Zamenhof skribis, inkluzive de liaj evidentaj eraroj. Tiuj homoj ŝatas imiti ĉiajn zamenhofaĵojn, sen diferenco, ĉu ili estas vere imitindaj aŭ male. Ekzistas literaturistoj, kiuj serioze praktikas eĉ la nekonsekvence uzitajn formojn de Zamenhof samproporcie kiel Zamenhof tion faris, ekzemple: adjektivon kaj adverbon post *aspekti (aspekti -a* kaj *-e),* indikativon kaj kondicionalon post *kvazaŭ*, subjektajn propoziciojn jen adverbe, jen adjektive *(estas bone, estas bona),* neregulan aplikadon de adjektivaj adverbaj komplementoj *(vidi iun alvenanta* kaj *vidi iun alvenantan)* k.s. Evidente tiaj esperantistoj ne komprenas la celon de F.K. Zamenhof lasis vastan spacon por agi libere, sed sendube ne konsilus, ke oni proklamu la neregulecon regulo!
Kaj tamen F.K. perfekte atingis sian celon: laŭeblan unuformecon de stilo, ne prezentante baron kontraŭ vera pliriĉigo kaj dezirindaj stilnuancoj. Ĝuste la diferencaj opinioj de literaturistoj efikis en la celita direkto, ĉar ĉiu praktikas la lingvon laŭ sia opinio kaj ĉiu ekstrema uzado elvokas reakcion de l' alia ekstremo. Okazas ia reciproka influado. Kritikoj pri malnoviĝintaj formoj elvokas ilian defendon; kaj inverse ilia senpripensa imitado instigas aliajn apliki novajn, pli korektajn formojn. Okazas diskutoj, formiĝas novaj opinioj, koncize: funkcias konstanta kontakto inter la primitiva modelo kaj la plej moderna kaj libera uzado de la lingvo. Kaj el tio rezultas, ke eĉ la plej modernaj aŭtoroj hezitas uzi danĝere devian lingvaĵon kaj, defendante sian propran lingvouzadon, volonte apelacias zamenhofajn formojn kaj esprimojn, precipe tiujn el F.K. Resume: la ekvilibro inter la diversaŭtora lingvouzado restas konservata. Jen la celo de F.K., kiun ĝi eble ne atingus, se ĉiuj aspektoj de stilo kaj gramatiko estus nepre unuformaj, sammodelaj, tute korektaj kaj pure logikaj. Ĉu Zamenhof antaŭvidis ankaŭ tion, ni ne scias; sed kiel ajn estas, ĉu li skribis intence ne tre unuforme aŭ kvazaŭ senpripense aŭ eble aliamotive, sian celon li per tio realigis!

## SKUOJ.

Muĝe hurlas kaj tumultas
Detruanta vento.
Sed el sereniĝ' rezultas:
Puriĝita sento!

Ne tute glate kaj senskue la lingvo travivis la unuajn jardekojn de sia ekzisto. Ankoraŭ nuntempe, post sesdekjara praktika uzado de Esperanto, ekzistas homoj, arogantaj al si rajton malaprobi iajn elementojn de la lingvo, proponante anstataŭigi ilin per aliaj, laŭ persona plaĉo. Tiom pli nature estas, ke en la unuaj jaroj inter la adeptoj de Esperanto troviĝis multaj homoj, kiuj ne senescepte aprobis la lingvon, kia Zamenhof ĝin kreis. Al unu ne plaĉis tio, al alia ne alio. Opoziciantoj kaj reformemuloj estas homoj, kies bruo ne estas proporcia al iliaj kvanto kaj kvalito. Ankaŭ la iamaj reformemuloj en Esperantio faris multe da bruo, kredigante, ke la malrapidan progreson de Esperanto kaŭzas diversaj nekontentigaj gramatikaj formoj en la lingvo. Kaj la esperantistoj aŭskultis tiun bruon pli atente ol ĝi meritis. Eĉ Zamenhof ne povis liberigi sin el ĝia influo, komencante kredi, ke efektive la lingvo bezonas iajn reformojn. Kontraŭvole li prenis sur sin la gvidadon de la reforma movado, rezulte de kio li publikigis en 1894a en „La Esperantisto" tutan sistemon de reformoj.
El liaj reformproponoj ni citu: 1e. La supersignoj malaperu. 2e. *C* estu prononcata *ĉ* kaj *z* kiel *c*. 3e. Artikolo ne ekzistu. 4e. La akuzativa formo estu forigita. 5e. La pluralo ne estu formata per *j*, sed per ŝanĝo de l' singulara finaĵo *o* en *i*. 6e. La adjektivo havu, same kiel la adverbo, la finaĵon *e*. 7e. La korelativojn anstataŭu vortoj, prenitaj el la naturaj lingvoj. 8e. Multaj vortoj havu alian formon, ekz.: *ĉevalo* estu *kavalo, ĉiu: omnu, jaŭdo: jovedo, ŝultro: epolo, tiel: sik* k.t.p.
El voĉdonado, aranĝita inter la esperantistaro, rezultis, ke oni nepre rifuzas ĉiajn reformojn. Unu danĝeron la lingvo brile venkis! Nekontentaj pro sia malvenko pluraj reformemuloj forlasis Esperanton, kio efikis purige al la movado kaj serenige al ĝia ĝis tiam prema atmosfero. Kelktempe restis ankoraŭ agitantaj kontraŭ Esperanto P. Berthelot (ps. Verema) („Provo de khemia nomigado", 1904a, „Fonetiko litera, skizo pri kelkay konsonantoy", 1906a) kaj A. P. Beauchenin en la kanada gazeto „La Lumo" (1904a).

Dua forta skuo al la movado kaj la pureco de la lingvo venis en la formo de „Delegacio por la adopto de helplingvo internacia" en 1907a. Ĝia precipa danĝero konsistis en tio, ke tiu delegacio principe akceptis Esperanton, sed sub tiaj kondiĉoj, ke el la proponitaj reformoj rezultus tute nova lingvo. Ĉiu esperantisto scias la bedaŭrindan historion pri la perfido de la iam fervorega kaj tre influa propagandisto por Esperanto, s-ro L. de Beaufront, kiun oni ĝenerale konsideris la aŭtoro de la nova lingva projekto, nomita Ido. C. Aymonier, tamen, pruvis, ke ne de Beaufront, sed Couturat estas la aŭtoro. Mi jam ne



dediĉu vortojn al tiu ĉi okazaĵo, sufiĉe konata, ankaŭ pro tio, ke per la apero de Ido por Esperanto finiĝis tiu historio. Venis skismo. Kio poste sekvis, estas la tragika historio de Ido, lingvo, kiu agonias pro la sama malsano, kun kiu ĝi naskiĝis: reformemo. Bedaŭrinda estis nur la fakto, ke Ido forŝiris el la esperantistaj vicoj kelkajn homojn, ĝis tiam tre meritoplenajn: post de Beaufront: Kofman, Schneeberger, Moch k.a.

Denove la prema atmosfero sereniĝis. Konstante daŭris ankoraŭ la atakoj kontraŭ Esperanto, flanke de l' idistoj, sed ili ne povis plu kaŭzi danĝeron al la lingvo. Efektive, de tiam neniu vera reformdanĝero minacis plu la lingvon, kvankam en la rondoj de l' esperantistoj ankoraŭ de temp' al tempo aperis homoj, kiuj, ofte pro sciencaj motivoj, nekontentaj pri certaj elementoj de la lingvo, proponis reformojn pli aŭ malpli forte efikajn.
Sensignifaj estis la reformproponoj de Tiĥomirov („Al kvesto pri evoluado de Esperanto", 1904a) kaj de Romanski („Pasho al perfektigo de Esperanto" 1910a).

Seriozan atenton meritis la sur scienca bazo faritaj proponoj de H. Sentis („Kion bezonas Esperanto", 1916a: „Sintaxo di verbo", 1916a), malgraŭ la fakto, ke post jama fikso de la gramatikaj reguloj liaj proponoj estis anticipe neakcepteblaj. Sed eĉ Zamenhof konfesis al Sentis, ke persone li ne povas malaprobi kelkajn liajn tezojn, sed.... eĉ li ne havis plu rajton ŝanĝi ion en Esperanto! El la proponoj de Sentis mi menciu nur la novan serion da korelativoj: ***alia, alio, alie, aliam, alial, alies, aliel, aliom, aliu***, kiujn vortojn oni eĉ nun ankoraŭ jen kaj jen renkontas en la literaturo.
Tiaj vortoj sendube pruviĝus utilaj por anstataŭi pli longajn, kiaj ***aliatempe, de iu alia, de alia kvanto*** k.t.p. Mirige nur estas, ke tre malofte oni uzas la laŭregulajn formojn ***aliies, aliiam, aliiom*** k.s., simple kunmetitajn el ***ali'*** kun korelativo. La duobla *i* en tiuj vortoj neniel ĝenas, ĉar en parolo preskaŭ ne aŭdiĝas.

Ankaŭ R. de Saussure projektis siajn reformojn sur bazo scienca, sed jam dekomence li faris la proprajn proponojn kvazaŭ malseriozaj, ĉar proponojn en unu broŝuro prezentitajn li tuj reprenis en dua broŝuro. Li modifis kaj ŝanĝis konstante, pro kio preskaŭ ĉiu numero de la gazeto, redaktata de li, prezentis alian ortografion.
El lia „lingva laboratorio" venis sinsekve: „Antido I" (Antido estis la pseŭdonimo de De Saussure, sub kiu li siatempe forte defendis Esperanton kontraŭ la atakoj de l' idistoj), „Antido II", „Lingvo Kosmopolita", „Esperantido" kaj „Nov-Esperanto". De Saussure estas teoriulo, ne atentanta la praktikon. Liaj lingvaj „knedaĵoj" poste transiris en la manojn de ĉeĥa reformemulo en Planice, kie ili mortis trankvilan, neĝenatan morton.

Dume la tempo, en kiu iu ajn reformpropono povis minaci Esperanton per pereo, jam antaŭlonge forpasis. Eventualaj atakoj la lingvon kaj ĝian movadon jam ne povas tuŝi, tiom malpli skui. La atmosfero sereniĝis tute.

# DICIPLINO.

Libero en pensoj, paroloj, labor',
Por homo prudenta ŝatinda trezor'.
Sed same necese por venki en fin',
La hom' sin ekzercu en memdisciplin'!

La artefariteco de Esperanto eble ne tiom krude esprimiĝas en la lingvo mem, kiom en la esperantistoj. Se Esperanto estus lingvo, parolata de speciala gento, al neniu el tiuj gentanoj la ideo venus en la kapon arbitre uzi la lingvon laŭ propraj gustoj, sed oni aplikus ĝin, obeante ĝiajn regulojn. Esperanto, tamen, havas la malbonŝancon esti uzata — ho ironio! — ne de esperantianoj, sed de esperantistoj, el kiuj multaj kredas havi la rajton personaguste manipuli la lingvon, ne sentante sin ligitaj de ia morala disdiplino.

La perfido de de Beaufront kaj la malsincera agado de Couturat kaj Leau en la Ido-afero estis kaŭzinta konsternon kaj ian seniluziiĝon en la rondo de l' fidelaj esperantistoj. Ili komprenis, ke urĝas gardi la lingvon kontraŭ eventuale venontaj danĝeroj. La reformproponoj kaj -postuloj estis pruvintaj, ke multaj adeptoj de l' internacia lingvo ne konscias, ke nur per konkordo, unueco kaj disciplino al la komuna ideo ili sukcese disvastigos la lingvon. Tiu ĉi perfido instruis al la esperantistoj, ke komuna afero povas venki nur, se ĝiaj propagandantoj discipline rezignas personajn preferojn.

Inter la voĉoj, vokantaj al disciplino laŭte aŭdiĝis la simpatiaj paroloj de prof. Th. Cart, kiu konstante kaj energie admonis kontraŭ ĉiu eĉ eta ŝanĝo en la lingvo. „Nia lingvo vivas", diris Cart. „Sed tial, ke ĝi vivas, ĝin oni ne rajtas konsideri kiel ian maŝinon, kies diversaj pecoj kaj partoj estas laŭvole ŝanĝeblaj aŭ forigeblaj."
En pluraj artikoloj Cart admonis resti fidelaj al la Fundamento kaj discipline obei la decidojn de niaj lingvaj institucioj „Lingva Komitato" kaj „Akademio". Dum kelke da jaroj oni multe diskutis pri la rolo de tiuj ĉi institucioj, ĉu estas bone, ke ili havas taskon nur kontrolan, aŭ ĉu estas preferinde, ke ilia tasko estu gvida. Multaj esperantistoj preferis, ke la lingvaj institucioj energie gvidu la evoluon de la lingvo, ĉar ili opiniis, ke la movado bezonas fortan disciplinon. Tamen, eble ĝuste ili eraris! La esperantista anaro ne estas armeo. Truditan disciplinon ĝi eble ne akceptus. Preferinda estas libervole akceptita disciplino, kiu esence konsistas en memdisciplino: por la bono de l' komuna afero regi aŭ subpremi la individuajn dezirojn, kiom ili devias de l' komuna intereso.
Eble ni ŝuldas precipe al s-ro Cart, ke la danĝero, ke Esperanto pereus pro interna malkonkordo de siaj adeptoj, pli kaj pli malgrandiĝis. Sed flanke de tio ni devas akcenti, ke Esperanto jam tiam posedis en si mem forton, rezistantan kontraŭ detruaj influoj, nome sian litera-



turon. Kaj ju pli forte malvolviĝas tiu ĉi kerno, des pli fortika ĝi montriĝos kontraŭ eventualaj atakoj. Tiun fakton sendube komprenis la literaturistoj en nia movado, ĉar en tiu tempo ili dediĉis grandan zorgon al la literaturo. Aperis diversaj verkoj, kiuj konservis eĉ ĝis nun sian valoron. La admonoj de Cart ne estis senefikaj. Kvazaŭ konkure la literaturistoj klopodis verki kaj traduki kiom eble plej fidele laŭ la Fundamento.
Kiel modeloj de simpla laŭfundamenta stilo el tiuj jaroj precipe reliefiĝis unuavice la vortoj de Cart mem, zorge elektitaj kaj en 1927a libroforme eldonitaj, plie la originalaj romanoj de Luyken, „Paŭlo Debenham" kaj „Mirinda Amo" kaj „Travivaĵoj de Ro Ŝo", aŭtobiografio de Richard Sharpe, la „ĝisosta" fundamentulo.

Iasence, tamen, la propravole akceptita disciplino havis efikon iom riproĉindan, efikon, kiu ankoraŭ nuntempe grave influas la evoluon de la literatura lingvo. Kelkaj aŭtoroj ja pli multe zorgis pri la stilo ol pri la gramatika flanko de siaj verkoj. Imitante formojn, uzitajn de Zamenhof mem, ili ne distingis inter logike defendeblaj kaj kontraŭlogikaj formoj. Imitado estas bona, kondiĉe ke ĝi okazu konscie, ne sklave. En sia fervoro apliki la lingvon kiom eble plej fidele laŭ la modelo de Zamenhof, kelkaj verkistoj same disvastigis la nekonsekvence kaj neĝuste uzitajn formojn de la Majstro, kiel tiujn laŭregule formitajn. Ofte faritaj kaj nekonscie aŭ senpripense transprenitaj eraroj estas ekzemple kontraŭregula vortkonstruo *(deflankiĝo, enradikiĝi, elradikigi, centjaro, kokviro* k.a.), troa uzado de kelkaj afiksoj *(ek, ad, em, ec)*, neĝusta aplikado de kelkaj prepozicioj, precipe la dusenca uzado de *po*, neklara distingo inter transitivaj kaj netransitivaj verboj, nekonsekvenca aplikado de l' direkta akuzativo k.t.p.

Sed la esperantista popolo tiutempa facile glutis tiujn ĉi erarojn. La aperon de ĉiu nova libro oni aplaŭdis, ne sufiĉe konsiderante ĝian kvaliton. Pardonebla eraro! Almenaŭ por tiu tempo! Eĉ la unua originala romano en Esperanto, kompreneble kun ĝenerala ĝojo akceptata, „Kastelo de Prelongo" (1907a) de Valienne, estas laŭ lingva vidpunkto tre kritikinda, same kiel ties dua romano, „Ĉu li?" Sed oni konsideru, ke Esperanto estis tiam en sia junaĝo kaj ke la tiamaj esperantistoj bezonis nutri sin per entuziasmo pli ol per serioza rezonado pri la scienca flanko de la lingvo! Erarojn, el entuziasmo faritajn oni facile pardonas; nepardonebla, tamen, estas la eraro nuntempa: imiti tiajn lingvajn makulojn!

El la aglutina karaktero de Esperanto, precipe ĝia riĉeco pri afiksoj, rezultis en la komencaj jaroj troa uzado de vortelementoj ne nepre necesaj. Por iom reguligi ilian uzadon la Akademio rekomendis en 1913a al aŭtoroj agi laŭ du principoj, kiuj sin reciproke kontraŭas, sed ĝuste per tio formas logikan kaj praktikan bazon por vortfarado. Tiuj principoj estas:

a. Principo de neceso: en konstruon de vorto oni devas enkonduki ĉiujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn kaj finiĝojn necesajn por elvoki klare kaj plene la ideon reprezentotan de tiu vorto.

b. Principo de sufiĉo: se la ideo tiamaniere esprimita estas jam bone kaj nekonfuzeble komprenata el la kunteksto sen iu el la sufiksoj uzitaj, tiu ĉi sufikso povas esti elĵetata kiel neutila kaj nenecesa.

Ĉu efektive la nomitaj principoj iom influis la postan uzadon de la lingvo, estas afero dubinda. Ĉe pluraj aŭtoroj montriĝas ofte en unu sama verko nepra limigo de afiksoj ĝis la nur bezonataj, apud balaste aplikitaj sufiksoj.

Ĉe preskaŭ ĉiuj aŭtoroj, kaj precipe ĉe tradukantoj, ni konstatas, ke la uzadon de afiksoj pli malpli influas nacilingvaj ekvivalentoj. Kiom ajn internacie kaj logike oni klopodas pensi kaj verki, la influoj de la propra nacia lingvo montriĝas ĉiam malfacile subpremebla.



## KVANTO KAJ KVALITO.

Ĝojas naive la kor' de infano
Pro ĉiu ludil' donacita.
Homon maturan, pensantan pri plano
Allogas valoro kvalita.

Ĉe l' apero de ĉiu nova Esperanto-libro la esperantistoj ĝojis pro entuziasmo kaj fiere oni asertis al la neesperantista publiko, ke jam centoj, eĉ miloj da Esperanto-libroj eniris la mondon. Sed oni ne aldonis, ke la grandan plimulton da tiuj „libroj" formis broŝuroj kaj aliaj bagateloj. Ne gravis tio; gravis nur la kvanto, ĉar en la propagando oni bezonis nombrojn, eĉ grandajn nombrojn.
En tiu tempo — estis ĝis la mondmilito — la propagando por Esperanto devis utiliĝi ĉian ajn fakton por impresi, eĉ imponi, la publikon. Faktojn, kiuj oni nun nur pase mencias, oni tiam eluzis emfaze kaj grandskale. Pro ĉiu nova libro ondo da entuziasmo vibriĝis la korojn de l' esperantistoj. Novaj gazetoj, tute ne bezonataj, aperis kvazaŭ fungoj; sed ofte ili ankaŭ same subite malaperis.
La kresko de la eldonaĵoj estis nenormala, ĉar ĝi superis la efektivajn bezonojn. Ne estas mirige, ke kun la kresko de l' kvanto ne povis kreski proporcie la kvalito.
La tiutempa esperantista popolo ĝenerale ne estis tre elektema, ĉar edukita laŭ la devizo, ke Esperanto estas ekstreme facila lingvo, kies studo postulas nur kelke da monatoj. Krom tio, pluraj esperantistoj, kiuj antaŭ sia varbiĝo al la lingvo neniam okupis sin publike pri lingva laboro, nun — pro la laŭdira facileco de Esperanto — opiniis sin kapablaj montri sin en la esperantista forumo, redaktante ian gazeton, tradukante ian ĝis tiam nekonatan libron aŭ verkante hazardriman poemon.
Eĉ redakcioj de seriozaj gazetoj, ne povante rezisti la troan entuziasmon kaj suprajemon, ofte donis laŭdajn menciojn pri nove aperintaj libroj, anstataŭ pure objektivaj recenzoj. Kaj la vere bonaj, stile kaj gramatike, libroj dronis en la amaso da eldonaĵoj kritikindaj. Rimarkinde estas, kiel kelkaj lingvo-amatoroj sciis ĵongli per la afiksoj, kungluante vortojn, nur en sia kunteksto kompreneblajn. Fenomeno karakteriza pri tiuj jaroj estis la kolektemo de esperantaĵoj, kiu kiel pasio obsedis multajn esperantistojn.

Feliĉe ekzistis ankaŭ esperantistoj, komprenantaj, ke verkado kaj tradukado ne estas dotoj de ĉiu esperantisto, sed veraj artoj, por kiuj oni bezonas talenton, kaj kiujn oni povas perfektiĝi nur ekstreme streĉante la mensajn kapablojn. Konsciante, ke urĝas haltiĝi la fluon la lingve netaŭgaj eldonaĵoj kaj altiĝi la nivelon de la Esperanta literaturo, diversnaciaj verkistoj kaj tradukistoj kolektiĝis en la sepa Universala Esperanto-Kongreso en Antwerpen, por fondi organizon, kies celo estu: per konstanta interkontakto konduki la evoluon de nia

literatura lingvo en bona direkto. La nova organizo ricevis la nomon „Esperantista Literatura Asocio" kaj ĝia agado konsistis precipe en tio, ke la membroj reciproke ekzamenas siajn manuskriptojn antaŭ presigo. Kaj krom tio la asocio raportis pri siaj laboroj en speciala bulteno, aldonita al „Oficiala Gazeto Esperantista". Tiun ĉi bultenon la membroj utiligis ankaŭ por interŝanĝi opiniojn pri dubindaj gramatikaj formoj kaj por difini la sencon de dubindaj vortoj. Preskaŭ ĉiuj esperantistaj literaturistoj aliĝis al la asocio.
Jam baldaŭ montriĝis la favoraj efikoj de ĝia agado. La verkoj, aperintaj kun la surpreso „Rekomendita de E.L.A.", estis preferataj de la legantoj, kaj la recenzantoj en la Esperanta gazetaro atribuis pli kaj pli da valoro al tiu ĉi indiko.
El la labormetodo de E.L.A., kies membroj verkis, tradukis kaj ekzamenis laŭ la morala devo: ne devii de la Fundamento, rezultis, ke la verkoj rekomenditaj de ĝi po iom enkondukis certagrade unuforman stilon, kies precipaj karakterizaj trajtoj estis: simplo, facila kompreneblo, laŭebla logiko, manko pri ĝenaj naciismoj, laŭebla foresto de neologismoj kaj formoj ne laŭfundamentaj.
El la plej bonaj stilistoj inter la E.L.A.-membroj mi menciu: Marie Hankel („Sableroj", „La Simbolo de l' Amo"), Jeanne Flourens (ps. Roksano, „La Senlaca Sinofero", „La Fianĉiniĝo de Sovaĝulineto", komedieto), Johanna Zschepank, Maria Ŝidlovskaja, Ŝidlovskij, Cart, Maria Posenaer („Rikke-Tikke-Tak" de Concience), Luyken, Grosjean Maupin, Ellersiek (ps. Argus, „Pro kio?"), Davidov, Bonnevie, Boucon („La Mizantropo" de Molière), Borel, Dalmau, Christaller, Schulhof („Per Espero al Despero", „Kion la vivo alportis?" „Aŭtunaj Floroj", poemaroj), Stojan, Pillath („Elektitaj Poemoj" de Heine), Schmidt („La Patrino" de Zahn), Meyer („Estu Homo!" de Wagner, „Vojaĝo interne de mia ĉambro" de De Maistre, „L' Avarulo" de Molière, „La Barbiro de Sevilla" de Beaumarchais), Caumont (For la Batalilojn!" de Von Suttner).
La lasta libro, „For la Batalilojn!" meritas specialan atenton, ĉar ĝia stilo ne permesis facilaniman tradukadon. Ke la tradukinto tamen sukcesis prezenti la verkon en flua stilo, estis brila pruvo pri la adapteblo de Esperanto al ĉia stilnuanco.
Oni tamen ne kredu, ke sole la verkoj, rekomenditaj de E.L.A. estis la plej bonaj! Pro diversaj cirkonstancoj aliaj, same bonaj, verkoj aperis ekster kunlaboro de tiu asocio. Sed agnoskinde estas, ke eĉ ekster sia agadkampo E.L.A. havis bonan influon.

Libro, kiu speciale reliefiĝis per flua, admirinde bela stilo kaj preskaŭ senmanka korekteco de gramatikaj formoj, estas „Fabiola" de Wiseman, tradukita de Ramo (ps. de sino M. Milson).
Tiu ĉi verko, kiun oni ĝenerale, sed erare, opinias destinita speciale por katolikoj, estas pro tio tro malmulte konata en aliaj, precipe laboristaj rondoj. Kaj pro la interesa, instrua kaj altmorala enhavo, kaj pro sia elstare ĉarma stilo, ialoke admirinde bela kaj preskaŭ nesuperebla, ĝi meritas pli vastan famon.

Tre laŭdindaj entreprenoj estis la eldonaĵoj de t.n. „Esperanto-bibliotekoj", konsistantaj el serioj da malgrandaj, bonstilaj libroj de fâmaj



aŭtoroj, tradukitaj de lertaj esperantistoj, sub redaktado aŭ kontrolado de kompetentulo. El tiaj bibliotekoj la plej konataj estas: „Esperanta Biblioteko Internacia", „Internacia Mondliteraturo", „Internacia Librotrezoro" kaj kelkaj el la plej bonaj stilistoj inter la kunlaborantaj tradukantoj estis: Christaller, Wüster, Inglada, Borel, Kabe, Kabanov, Pujula y Valles, Pfeffer, Meier kaj Kuhl (ps. Baroko).

Ankaŭ post la unua mondmilito E.L.A. daŭrigis sian agadon, sed bedaŭrinda fakto estas, ke la reciproka kontrolado fariĝis evidente pli kaj pli malsevera, pro kio la lastaj de E.L.A. rekomenditaj aperaĵoj neniel superis nekontrolitajn verkojn. Precipe kelkaj tiaj libroj, verkitaj aŭ tradukitaj de nederlandanoj, reliefiĝis pro abundo da eraroj kaj pure nacia stilo, nepermesinda en Esperanto.
Sendube pro tio malrapide formortis E.L.A., farinte bonan servon al la literatura lingvo, sed fine montrante sin ne plu kompetenta pro interna senforteco.

## REVIGLIĜO.

Mondo bruas kaj tumultas;
El malbon' malbon' rezultas.
Sed la vera bono restas;
Eĉ en fin' triumfon festas.

En la teruraj jaroj de l' unua mondmilito ŝajnis, ke la milita katastrofo forte influos Esperanton kaj ĝian movadon. La antaŭsentoj tamen ne veriĝis. La sola ŝanĝiĝo, kiun oni povis konstati, estas, ke la esperantistoj ĝenerale perdis sian konfidon en la t.n. „interna ideo" de la lingvo. Sed cetere preskaŭ ne rimarkiĝis ia aliiĝo. Kvankam la milito interrompis internacian agadon kaj senfortigis la propagandon, pro kio kelkaj jam timis, ke Esperanto mortos, tamen jam antaŭ ol la milito finiĝis, oni povis plurrilate konstati reviglilĝon de l' movado: reaktiviĝis la organizoj, refondiĝis gazetoj, denove aperis libroj, kaj baldaŭ la movado estis denove tiom forta, kvazaŭ nenia interrompo estis okazinta.
Ankaŭ la lingvo mem ne spertis ian influon pro la milita interrompo. Unu momenton ŝajnis, ke la literatura lingvo trapasos epokon de aplikado pli intense libera, kiam Privat surprizis nin per sia valorenhava verko „Vivo de Zamenhof". Sed jam baldaŭ montriĝis, ke la tute aparta kaj eksterkutima stilo de ĉi tiu verko estas nur unufoja fenomeno, poste ne trovanta imiton, eĉ ne de la sama aŭtoro en siaj postaj verkoj. Ekzakte studante la multajn rimarkindajn specialaĵojn de tiu ĉi libro: sintakson, vortkonstuon, fortimpresajn, ofte frape mallongajn frazojn, ĝenerale: tutan ĝian stilon, eĉ gramatikajn apartaĵojn, inter kiuj lastaj troviĝas ankaŭ kritikindaj kaj nekonsekvence uzitaj formoj, oni konstatas, ke diversaj interesaĵoj estas karakterizaĵoj el la franca lingvo, pli multe certe permeseblaj, sed ĝis tiam nekutimaj en Esperanto. Oni do venas al la konkludo, ke tiun ĉi impresoplenan lingvaĵon inspiris al la aŭtoro la profundaj sentimentoj ligantaj lin kun la Majstro kaj ties familio, kaj ke malgraŭ la esperantistaj lingvaj talentoj de l' aŭtoro, li esprimis siajn plej delikatajn sentojn kaj impresojn per Esperanto, sed en formo kaj aspekto parte francaj.

La antaŭmilitan literaturan kaj instruan laborojn daŭrigis Ellersiek, eldonante serion da bonstilaj verketoj sub la nomo „Nova Esperanto-Biblioteko" kaj instruan gazeton „Esperanto-Praktiko", per kiu lasta speciale li bone influis la internacian lingvo-uzadon; E.P. instruis klaran kaj logikan lingvaĵon.
El la aktiveco de Ellersiek rezultis ankaŭ la eldonado de alia libroserio: „Biblioteko Tutmonda"; el ĉiu el ĝiaj volumetoj tamen esprimiĝis pli malpli aparta stilo. Mi menciu nur „La Kapitanfilino" de Puŝkin, kiun Ŝidlovskaja tradukis laŭ sia klasika maniero; „La Cikoni-Kalifo" de Bodo, majstre tradukitan de Babits, en stilo, jam montranta signojn de moderniĝo (pli libera ol kutime apliko de kelkaj lingvaj reguloj,



komenco de uzado de *tiom, kiom* flanke de *tiel, kiel,* uzado de *sin-* anstataŭ *mem-: sinakuzo, sinmortigo,* preskaŭ regula uzado de kondicionalo post *kvazaŭ* k.s.); „La Malgranda Johano" de Van Eeden en traduko de Bulthuis, bona, flua kaj facilstila, tamen ne sen gramatikaj makuletoj, nekonsekvencaĵoj kaj nederlandismoj.
Veran modelon pri eleganta stilo, ĝusta kaj logika aplikado de la lingvaj reguloj kaj foresto de ne nepre bezonataj komplikitaj formoj prezentas la tradukoj de Brüggeman de la libroserio „Universala Biblioteko".

Apartan mencion meritas la originala verkado de Bulthuis. En sia komenco (la romano „Idoj de Orfeo") lia stilo baziĝis sur la simpla formo de Zamenhof, eĉ kun simpla transpreno de pluraj arĥaikiĝintaj gramatikaj formoj, sed kvazaŭ traplektita per nederlandaj trajtoj. Lia rakontmaniero estas interesa kaj „kaptas" la leganton, pro kio oni facile pardonas la nekonsekvencaĵojn en la aplikado de certaj lingvaj reguloj. Bedaŭrinde estas, ke Bulthuis, kvazaŭ sentante sin jam antaŭe certa pri sukceso de farota verko aŭ traduko, dediĉis al siaj postaj laboroj malpli da zorgo. Pro tio tra liaj verkoj la stilo estas efektive sentebla laŭ linio malleviĝanta. Bona estas ekzemple lia traduko de „La Malgranda Johano", malbonega tiu de „Robinsono Kruso", el kiu lasta esprimiĝas ĉiuj ecoj de la nederlandaj stilo kaj vortuzado.

La malon oni konstatas ĉe alia aŭtoro: Luyken. En liaj antaŭmilitaj verkoj „Paŭlo Debenham" kaj „Mirinda Amo", siatempe aplaŭde akceptataj, montriĝis tra flua kaj eleganta stilo multaj lingvaj neregulaĵoj. Lia postmilita „Stranga Heredaĵo", kvankam laŭenhave sensignifa, estas el lingva vidpunkto tre bona; kaj „Pro Iŝtar" superas ĉiujn antaŭajn; ĝia stilo estas ĉarme bela. Kaj tamen, kvankam Luyken ne ŝatas neglekti kutimojn en aplikado de la lingvaj reguloj, nenie uzas ian lingvoformon tro libere aŭ riske, en ĉiuj liaj verkoj la aŭtoro estas rekonebla, ĉar tra ĉiuj evolue fluas la sama stilo.

Kaj dume komencis bari al si vojon en la movado iu entrepreno, kiu dum pluraj jaroj havis lingvan influon internacian, nome „Esperanto Triumfonta", poste nomita „Heroldo de Esperanto". Diversaj literaturaĵoj aperis en formo felietona kaj (aŭ) estis eldonataj en libroformo, el kiuj tamen nur „La Senlingvulo" de Korolenko (tradukita de Ŝidlovskaja) rimarkindas pro elstara stilo. Aliaj eldonoj (Kloepfer, „Vagabondo kaj Sinjorino", tradukita de Goppel, A. Tolstoj, „Aelita", tradukita de Pil, Maxwell „Anstataŭa Edzino", tradukita de Sampson k.a.) estas ĝenerale tre bonaj, kvankam ne ĉiarilate. Tra kelkaj libroj oni sentas la kontrolan influon de Jung, la eldonisto, kies propra stilo klare esprimiĝas en lia originalo „Landoj de l' Fantazio", stilo mola kaj facila, kelkloke iom afekta, en kiu nekutimaj vortaranĝoj celas impresi poezie.
Tamen, kiom ajn stranga tio ŝajnas, ĉar en la laste nomita libro nekonsekvencaĵoj kaj germanismoj ne mankas, la influo de Jung pere de sia gazeto estis bona kaj kondukis al ĝenerale kontentige logika uzado de la lingvo. Precipe en neŭtralaj rondoj tiu bona influo vaste

efikis. Kiel redaktoro kaj lingva kontrolanto Jung rikoltis pli da sukceso ol kiel aŭtoro.
Ĉe la sama eldonejo aperis „En Okcidento Nenio Nova" de Remarque, tradukita en tro mallonga tempo, pro kio la stilo multe suferis kaj kelkaj trafaj esprimoj ne trovis same trafajn tradukojn. Pli bone sukcesis la dua verko de la sama aŭtoro: „La Vojo Returne", kies tradukon prizorgis Berger.
Bona traduko, evidente ankaŭ zorge kontrolita de Jung, estas „La amo en la jaro dekmil" de El Coronel Ignotus, el la hispana esperantigita de Berenguer.

Ne senmerita estis la entrepreno „Populara Esperanto-Biblioteko", kiu eldonis, krom libroj negravaj kaj eĉ kun malplaĉa stilo, ankaŭ verkojn bonstile tradukitajn. Al la lastaj apartenas „Quo Vadis?" de H. Sienkiewicz, kun stilo bona kaj flua, grandparte laŭ modelo de Zamenhof, kvankam neniel elstara kaj sen iaj pretendoj. Ankaŭ koncerne la gramatikan flankon la tradukintino, Lidja Zamenhof, preskaŭ fidele imitis sian patron, kvankam kelkrilate ŝi uzis kun pli da reguleco iajn formojn, nekonsekvence uzitajn de la Majstro: kondicinalon post *kvazaŭ;* akuzativon en certaj adjektivaj adverbaj komplementoj; *alie* anst. *por ke ne: memoru ĉiam pri ĉi tio, alie vi estos fritata en infero* (I, 194-22); *vere* anst. *kvankam.* Krome ni konstatas neregulaĵojn en uzado de *tia, kia, tiu, kiu,* tro oftan uzadon de *je,* eraran subjunktivon post *timi.* Rimarkindaĵo en tiu ĉi verko estas la uzo de *kune* anst. *kaj. . . .*, *kaj* aŭ *tiel. . . .*, *kiel,* ekz.: *kune fleksema kaj plena.*

Rimarkinde bonan kaj fluan stilon prezentas le traduko de „Luno de Izrael" de R. Haggard, farita de Payson kaj Butler, kiuj montris veran majstrecon koncerne tradukadon de naciismoj: *kiuj fendis la aeron per siaj lamentoj* (11-14); *diru vian opinion tuj nun, antaŭ ol la unua juĝo velkos* (30-19); *li estas malmolnuka* (28-39); *kun la muĝo de batalo enorele* (85-30). Tiom flua estas la stilo, ke la malfortaj flankoj de l' traduko: iaj gramatikaĵoj, precipe nekonsekvencaĵoj en uzado de kelke da prepozicioj, preskaŭ ne rimarkeblas.



## PERFEKTIGAJ PROVOJ.

Eltrovaĵon plibonigi
Multaj homoj provas.
Sed artverkon perfektigi
Nur artisto povas.

Por ke oni havu ĝustan kaj facilan komprenon pri la evoluo de nia literatura lingvo, ne estas rekomendinde mencii ĉiujn rimarkindajn kaj lingve influajn faktojn en precize kronologia sinsekvo. Male, nia skizo estas des pli klara, ju pli ni sukcesas elmontri la ĉefajn pli malpli elstarajn fazojn de la lingva evoluo, dume klarigante ilian interan rilaton.
El tiu ĉi klarigo oni do komprenu, ke la faktoj menciitaj en tiu ĉi ĉapitro ne reprezentas ian epokon en la evoluo de la lingvo, ke ili ne formas unu tuton. Male, en la samaj jaroj, kiam ekzemple en Germanio kelkaj eldonistoj prezentis al la esperantistaro vere bonstilajn verkojn, inter kiuj troviĝas libroj kun eĉ klasika lingvaĵo, aperis en Nederlando libroj, tradukitaj senzorge kaj laŭ ekstrema suprajemo. Kaj dum kiam precipe en la novaj eŭropaj ŝtatoj aperis gazetoj, kun enhavo, parte literatura, redaktataj laŭ la pli kaj pli moderniĝantaj postuloj, pro kio la lingvo konstante pli adaptiĝis al la praktikaj bezonoj, ekzistis aliaj esperantistoj, esplorokule observantaj, ĉu jen kaj jen iu modernulo riskas uzi formon aŭ vorton kontraŭan aŭ ne tute konforman al la koncepto de lingva konservativulo.
Esperanto estas lingvo artefarita. Kaj kiom ajn konvinke kelkaj klopodas argumenti, ke Esperanto estas samkaraktera kia lingvo natura, ĝia artefariteco elmontriĝas diversrilate. Jen ekzemplo: en neniu lingvo natura iu lingvisto ekhavus la ideon plivastigi aŭ limigi iun lingvan regulon, tordi aŭ klarigi ĝin el alia, nova vidpunkto k.s. En Esperanto tio tamen eblas. Kaj ne estas sole veraj lingvistoj, kiuj sin okupas per tiaj agoj; ankaŭ amatoroj kaj eĉ nekompetentuloj klopodas puŝi la evoluon de la lingvo en dezirata de ili direkto. La evoluon! Sed la evoluo ne lasis sin puŝi iudirekte! Lingvistoj povas proponi, praktiki, enkonduki; nekompetentuloj povas klopodi la samon; sed la esperantista popolo mem akceptas aŭ malakceptas. Ĝi ne akceptas ion truditan; sed kvazaŭ nerimarkate enkondukiĝas iu novaĵo, modifo, pliboniĝo, kaj adaptiĝas al la praktiko, ĉar nur tia estas la lingva evoluo.
Kaj ĉiu provo trudi novan formon estas iasence revolucia. La plej rimarkindaj provoj pri plejeble vasta apliko de la lingvaj reguloj certe estas tiuj de Grabowski en lia admirinda traduko „Sinjoro Tadeo" de Mickiewicz, traduko plenmezure laŭdita de progresemuloj, sed akre kritikita de konservativuloj. En tiu verko Grabowski kelkloke eksperimente esprimis la sencon de kunmetitaj verboformoj per formoj aliaj, tute konsekvence kreante verbojn el participoj *(ŝuldantas, fermitas, laŭdatu* k.s.). Rekomendindaj tiaj formoj certe ne estas, sed gramatike kaj logike ili estas nepre permeseblaj kaj pravige-

blaj; kaj en poezio ili povas iafoje montriĝi utilaj. Same utilas poezie lia mallongigo *as* anstataŭ *estas (mond' as malfermita)*. Pliaj rimarkindaĵoj en la nomita verko estas i.a. la gramatike kaj logike nebezonata, sed pro la ritmo pravigebla *e*-finaĵo ĉe korelativoj kaj kelke da aliaj adverboj *(tiame, iame, ĉiame, kiele, kiome, nune, kvazaŭe, fore)*, akuzativo de *unu (unu-n, unujn)*, verboj derivitaj de adjektivoj *(sinceri, kvieti, preti, honesti, laŭti, pliboni, sciemi)*, nekutima uzo de *ul (grumblule)*, ellaso de *ul (virgino* anstataŭ *virgulino)*, la malnoviĝinta *tiela* anstataŭ *tia*, la pasiva formo *situita (domo situita)*, kiu poste ŝanĝiĝis en aktivan *(situi, domo situas)*, nekutima interstreko *(ge-feliĉuloj)*, pluralo de *eco (malfacilecoj)*, la strangaĵo *kiu-spite (= spite al kiu)*, kaj multaj genie elpensitaj esprimoj kiaj *tiondire, okule vagis kampojn*. Ankaŭ la poste multe imitata formo *ekde* evidente devenas de Grabowski. Krome la verko enhavas amason da neologismoj kaj novaj onomatopeoj (sonimitaj vortoj).

Bari la naturan evoluon neniu povas; sed konstatante evoluan fenomenon tuj dekreti ĝin kiel enkondukitan regulon, estas ago danĝera, elvokanta reakcion. Tion spertis Hodler, enkondukinte en la U.E.A.-organon „Esperanto" la sufikson *io* por landnomoj. Preskaŭ nerimarkate, tiu sufikso jam estis vaste uzata, sed la konstato kaj enkonduko de Hodler kaŭzis, ke multaj revenis al la malnova *ujo*. Sed fine la evoluo tamen venkis. La plimulto de l' esperantistaro nun preferas *io* super *ujo*, kaj fine la lasta sufikso fariĝos arĥaismo.
La neatendita enkonduko de *io* kaŭzis pli neatenditan reakcion: esperantistoj, ĝis tiam nepripense skribintaj *Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Estonio, Brazilio*, subite surprizis la legantojn per ujado: *Estonujo, Brazilujo*, eĉ *Venezuelujo* kaj *Finnujo*. La *io*-uzadon oni konsideru evolua fenomeno. Bedaŭrinde kelkaj tro-fundamentaj *uj*-anoj tion ne komprenas, sed prezentas la aferon kiel danĝeran skismon, kio ĝi tamen ne povas esti. Ankaŭ antaŭe oni jam uzis pli ol unu formon: *ujo* kaj *lando;* sed tiam neniu veis pri skismiĝo!

La oportuna partikulo *ĉi* trovis pli kaj pli vasta uzadon *(ĉi tage, ĉi vespere, ĉi flanke)*, sed tuj kiam kelkaj volis iom perforti la evoluon, uzante *ĉi* anstataŭ *ĉi tiu (ĉi viro, ĉi domo)*, la plivastiĝo de *ĉi* stagnis, kaj ĝenerale oni ne jam akceptas tiun ĉi formon.

Laŭ iuj ekzemploj de Zamenhof, eble neintence uzitaj, kelkaj esperantistoj klopodis enkonduki akuzativon post substantivigita verbo *(la skribado leteron)*, sed iliaj klopodoj nepre fiaskis. Tiaj formoj ne estas naturaj; la evoluo ilin ne atentas.

Logikemuloj elpensis la kondicionalan participon *(esti -unta, esti -uta)*, kiu, kvankam nepre konvenanta al la simetria sistemo de la participoj kaj kompleksaj verboformoj, tamen praktike ne estas bezonata. Ĝi do restis teorio, sed ne fariĝis pli ol tio.
Rimarkinde estas, ke „Pola Esperantisto" iam forte kritikis la uzon de *vojaĝuntoj*, troviĝanta en iu fervoja faldprospekto, kiu vorto hazarde estis nura komposteraro!

Aliaj aŭtoroj klopodis enkonduki kelke da formoj el la iam de Sentis



proponita korelativa serio *(aliu, alies, aliel)*, kiuj praktike montriĝis uzindaj; sed efektivan proponon pri enkonduko de la tuta serio neniu faris.

Menciindaj estas ankoraŭ: la tute logika eltrovaĵo de De Saussure: la substantivigita artikolo *lo*, kiun li laŭregule formis, aldonante al la apostrofita artikolo *(l')*, la substantivan finaĵon *o (l' + o = lo)*. Tia artikolo estas praktike preskaŭ ne bezonata, sed science distingas inter du ideoj *(la bono* kaj *lo bona;* nederlande: *het goed* kaj *het goede)*. Plue: la vera eltrovaĵo *ekde*, en kiu kombino *ek* plenumas nenaturan rolon, ĉar Zamenhof destinis *ek* por verbaj ideoj; kaj *ek* uzata kiel interjekcio *(ek!)*. Kaj fine la strangaĵo *k* rimarkinda nur pro sia sensenceco, kontraŭnatureco kaj -reguleco: per *k* anstataŭ *kaj* oni ne ŝparas atentindan spacon. Se ŝpari spacon oni dezirus, tro multvortaj aŭtoroj pli bone limigu siajn vortriĉajn artikolojn. Krome *k* sen mallongiga punkto kontraŭas interkonsentitan lingvan regulon. Kaj fine la aspekto de per *k k k* traplektita teksto trudiĝas al la leganto malagrable kaj ĝene. Escepte de „Sennaciulo" kaj iuj malgravaj bultenoj neniu serioza Esperanto-gazeto plu kripligas la vorton *kaj*.

Ni povus daŭrigi tiel, menciante nesukcesintajn, eĉ jam forgesitajn rimarkindaĵojn kaj strangaĵojn, eĉ ne parolante pri la nove proponitaj afiksoj kaj amaso da neologismoj. Sed ian zorgon tiuj aferoj ne kaŭzis al ni. Ni ripetas: kio utilas kaj montriĝas praktika kaj logika, tio enkondukiĝas mem, venkante artefaritajn barojn de konservativismo; kio ne estas praktika, nek logika, tio mortas naturan morton.

## LOGIKO AŬ....

En diskuto ofte gravas
Rezonad' kaj elokvento.
Sed por klara menso pravas
Nur logika argumento.

Jam de la krea periodo de la lingvo la esperantistoj ŝatis diskuti pri lingvaj problemoj. Dum la vivo de Zamenhof ili volonte submetis siajn malfacilaĵojn al la solvo de la Majstro; sed post lia morto ili devis komenci mem solvi siajn problemojn, kio ĝenerale okazis — kaj ankoraŭ okazas — per diskutoj en la Esperanto-gazetaro kaj per netruda praktika aplikado en la literaturo.
Eble tiuj diskutoj neniam antaŭe alprenis tiom interesan formon kaj tiom ĝeneralan divastiĝon, kiom dum la jaroj, dum kiuj „Heroldo de Esperanto" ludis iarilate influan rolon. Tiu gazeto prezentis, pli ol iu antaŭa, konvenan okazon por lingvaj diskutoj, el kio nature rezultis polemikoj kun gazetoj diverslandaj.
La kerno de tiaj diskutoj kaj polemikoj ofte estis: ĉu iu formo estas logika aŭ ne; ĉu ĝi estas unuamotive preferinda aŭ duamotive forĵetinda. Sed krom tio la defendantoj de formo logika kelkfoje ne interkonsentis, ĉar unu kredas logika tion, kion alia aliamotive opinias ne logika. Eĉ nun ankoraŭ pri kelke da lingvaj temoj ne eblas kontentiĝe interkonsenti, eĉ ne, se oni sincere klopodas rigardi la pridubatan temon el vidpunkto logika.
Jam ofte influaj esperantistoj insistis, ke oni ne konsideru Esperanton el nepre logika vidpunkto, ĉar la lingvo ne estas komparebla kun matematiko. Sed ankaŭ aliamotive la logiko ne povas senrezerve regi la lingvon. La Esperanto-gramatiko estas bazita sur la logiko, sed ĝi estas sistemo, kvankam genia, tamen neperfekta kaj do mankhava. Kaj pro tio la logiko povas en gramatikaj aferoj regi nur tiom, kiom permesas la gramatikaj reguloj, do interne de tiu sistemo. Pro tio eble por ĉiam restos kelkaj problemoj ne aŭ nekontentige solvitaj; por plena solvo la lingvaj reguloj ne estas sufiĉe perfektaj.
Diversaj lingvodiskutoj originis el naciaj studolibroj pri Esperanto, en kiuj iliaj aŭtoroj ofte devis elpensi iajn regulojn por adapti la Esperantajn regulojn al la nacialingva kompreno de l' studanto; sed tiaj reguloj ĝenerale kun nacia valoro ne estas internacie decidaj, kion multaj ofte forgesis. Sekvis el tio, ke pluraj diskutantoj rezonis malgraŭvole sub nacia influo.
Ekzistas tamen aliaj esperantistoj, kiuj, plej ortodokse, preferas ĉiun ajn formon zamenhofan super formo logika. Ilian sintenon oni povus nomi reakcio kontraŭ la evolua irado; pli ĝuste tamen ŝajnas, rigardi ilian agadon kvazaŭ ia kontraŭpezo kontraŭ artifikoj, kiuj nenature akcelus la evoluon. Do jen: en malbono la bono ne tute mankas!

El la multaj temoj, kiuj laŭ la ĉi supre skizitaj principoj trapasis la diskutojn, mi menciu nur:
La ofte kritikata pleonasma finaĵo de Zamenhof mem: *emeco*. Po iom



ĝia uzado malpliiĝis kaj nuntempe uzas ĝin nur tro skrupulaj imitantoj de la Majstro. — Kaj ankaŭ la ofte tro uzata finaĵo *eco* anstataŭ *o;* eĉ nun tiu problemo ne kontentige solviĝis, ĉar *eco* pruviĝis oportuna ekvivalento (laŭ formo, ne laŭ signifo) de iuj finaĵoj en diversaj lingvoj. — Adjektivo aŭ adverbo post *aspekti;* tiu ĉi necerteco rezultis el la zamenhofaj ekzemploj. — Sama necerteco ekzistas ankoraŭ koncerne indikativon aŭ kondicionalon post *kvazaŭ*. — Ankaŭ la prononcado postulis ofte fortajn diskutojn, kiuj ŝanĝiĝis kelkfoje en disputojn. Unuj preferis la fonetike purajn sonojn; aliaj konstruis teoriojn sur la nacialingvaj prononcoj aŭ sur la nesufiĉe klaraj ekzemploj de Zamenhof; kaj ne mankis ankaŭ aŭtoroj, preferantaj ian „mezan vojon", kio praktike signifas oportunismon. — La t.n. libera sintakso, kiu pruviĝis efektive libera nur en relativa senco, t.e., ke ĉiu alia formo de la frazo ŝanĝas aŭ modifas ĝian sencon. Precipe la uzado de la adverboj *ne, ankaŭ, nur, jam, ankoraŭ* k.a. fariĝas nun pli regula kaj laŭcela. — La tempo de la verbo en subjektivaj kaj objektivaj frazoj, pri kiu multaj aŭtoroj eraras, influate de siaj naciaj lingvoj. — La kunmetitaj verboformoj, kiujn diversnacianoj trouzas anstataŭ la simplaj formoj, ankaŭ rezulte de nacialingvaj kutimoj. — La formoj *esti -ata* kaj *esti -ita* kiel pasivoj de *-is*. En la diskutoj pri tiu ĉi temo unu partio preferis la logike ĝustan formon *esti -ata;* la alia partio defendis *esti -ita,* argumentante, ke la *-ita- aŭ -ata-*formo dependas de la karaktero de l' uzata verbo. — La prepozicio *po* postulis multajn diskutojn. Evidentiĝis, ke la problemo estas tro komplikita, ol ke oni povus kontentige solvi ĝin. Fine oni konstatis, ke *po* estas pli ĝuste adverbo ol prepozicio. — La nereguleco en la formoj de la tempindikaj konjunkcioj *(dum, dum ke, dum kiam — antaŭ ol, antaŭ kiam — post kiam, post ol* k.t.p.). — Nominativo aŭ akuzativo post prepozicioj uzataj kiel konjunkcioj *(krom, anstataŭ, ĝis)*. — Nominativo aŭ akuzativo post prepozicioj uzataj kiel adverboj *(po, ĉirkaŭ)*. — Ĉu *da* estas uzebla antaŭ certaj pronomoj kaj numeraloj. Nenie en la verkoj de Zamenhof oni trovas bazon por tia limigo; tamen kelkaj gramatikistoj konstruis tiun teorion, bazitan evidente sur nacialingvaj kutimoj. — La problemo de la propraj nomoj. — Kaj fine — kvankam ni povus mencii ankoraŭ multe da aliaj diskutotemoj — la refleksiva pronomo kaj la komplementoj pri stato, pri kiuj du temoj Walter Lippmann verkis bonegajn, tre detalajn kaj per multe da ekzemploj dokumentitajn raportojn por „Esperantista Akademio".
Koncerne la proprajn nomojn ankoraŭ ne atingiĝis kontentiga rezultato. Jam en 1906a L.K.-komisiono, konsistanta el s-roj Bein, Moch kaj Schröder proponis post ekzakta esploro liston da propraj nomoj (geografiaj kaj personaj), kiun praktike oni tamen malmulte atentis. Inter la du ekstremaj partioj: tiuj, kiuj konservas laŭeble la naciajn formojn; kaj tiuj, kiuj esperantigas eĉ neesperantigeblaĵojn ĝis nerekoneblo, kripligante eĉ siajn familiajn nomojn, ekzistas pli granda multo da esperantistoj, kiuj laŭoportune esperantigas en okazoj konvenaj, lasante la ceterajn nomojn en ilia originala nacilingva formo. La solvon de tiu problemo oni lasu al la evoluo. Per trudado de nomoj kripligitaj oni verŝajne atingos la malon de tio, kion oni aspiras.

Dum kelke da jaroj la lingva evoluo troviĝis en fazo de nerapida, sed

konstante korektiĝanta logikeco, ĉar la rezultoj de multaj ĉi supre menciitaj diskutoj estis ofte, ke la lingvouzantoj discipline akceptas la konsilojn de bonaj aŭtoroj kaj gramatikistoj. En tiu tempo konstateblis ankaŭ ĝenerala pliboniĝado de lernolibroj, el kiuj multaj antaŭe estis tro bazitaj sur la laŭdira „facileco" de Esperanto.

La plej granda servo, kiun S.A.T. al la tuta esperantistaro faris, estas la eldono de „Plena Vortaro", bazita sur la samaj principoj, laŭ kiuj Kabe siatempe verkis sian „Vortaro de Esperanto": vortoj kun klaraj difinoj nur en Esperanto, kun multeĝe da ekzemploj el la praktiko, precipe zamenhofaj. La sola, kion oni povus iom riproĉi al la aŭtoroj (Grosjean-Maupin, Esselin, Grenkamp kaj Waringhien) estas, ke ili plurloke okupis sin pri gramatiko pli ol necesas en vortaro, kiu fakto iarilate kaŭzas miskomprenon, ĉar la francaj konceptoj pri gramatiko ne estas la universale agnoskataj. Sed senkonsidere pri tiu malforta flanko la verko fariĝis nemalhavebla kondukilo por ĉiu esperantisto; ĝi konsilas pli celtrafe ol tion povas fari kiu ajn nacilingva vortaro de Esperanto.

Fortan puŝon en la direkto al logika pensado en la lingvo donis la Cseh-metoda instruado. Senkonsidere pri la malforta flanko, kiun havas tiu ĉi metodo: ke ĝi edukas novulojn en tiom granda entuziasmo, ke pro ĝi ofte suferas la seriozeco, kiun postulas la studata materio, ni konfesu, ke al la bonaj flankoj de ĉi tiu instrumetodo apartenas la fakto, ke ĝi instigas la lernantojn pensi logike.
La Cseh-metoda instruado ne povus ekzisti sen la logikeco de Esperanto, sur kiu ĝi tute estas bazita. Kaj inverse, la lingva logikeco nenie povas pli bone manifestiĝi ol per tiu metodo. Se la metodo ie ajn eraras, la logiko korektas ĝin; kaj inverse, ĝis tiam faritaj eraroj kontraŭ la logiko korektiĝas per la Cseh-instruado.
La elirpunkto de ĉi tiu instruado estas la korelativa serio; kaj estas rimarkinde, unue, ke rezulte de la Cseh-instruado oni ĝenerale uzadas tiun ĉi serion da vortetoj pli korekte ol iam antaŭe, kaj due, ke eĉ nerekte rezultis el tiu metodo iaj korektoj; mi aludas la ĝustan uzadon de *tiom* kaj *kiom* kun signifo grada anstataŭ *tiel* kaj *kiel* kun maniera signifo. Stellan Engholm estas la unua aŭtoro, kiu konsekvence aplikis tiujn korektajn formojn en siaj verkoj kaj tradukoj, kvankam rimarkindas, ke eĉ longe antaŭe Luyken uzis ilin kelkfoje en „Paŭlo Debenham" (1912a) kaj Vallienne en „Manon Lescaut" (1908a). Sed jam ĉe Zamenhof mem oni povas trovi ekzemplojn pri la grada signifo de *tiom* kaj kiom. Mi menciu nur: *la kongreso estos tiom blindigita* (F.K. 304-34); *ke ilia lingvo prezentas ion tiom perfektan* (F.K. 312-30).
Cetere, la literaturan lingvon, escepte de iaj pli logikaj gramatikaj formoj, la Cseh-instruado preskaŭ ne influis. Nur en kelke da gazetartikoloj, alvokoj, cirkuleroj k.s. rimarkeblas ia moliĝo de stilo kaj koncizigo de esprimmaniero, evidente rezultantaj el tiu metodo. La parolan lingvon ĝi influis iomete, enkondukante trafajn kaj mallongajn dirmanierojn, sed ankaŭ kelke da tro molaj parolturnoj.
Efektiva Cseh-stilaĵo estas la en 1946a aperinta romaneto „La Forto de l' Vero" de Adi, facila legaĵo, speciale destinita por tiuj, kies lingva scio ne jam sufiĉas por vera literaturaĵo.



## NOVAJ DIREKTOJ.

La belon kaj bonon la homo admiras,
Al funda kompreno de l' arto sopiras.
Sed veran kontenton la homo nur trovas,
Se arto laŭ modo kaj gusto sin movas.

Same kiel ĉiu alia arto, ankaŭ la beletristiko havas siajn direktojn, siajn skolojn, kiuj jen montriĝas vivipovaj por longa tempo, jen naskiĝas kaj baldaŭ malaperas kiel kapricaj modoj. Neniu tia direkto povas plene kontentigi: ĉiu havas siajn preferindojn, sed ankaŭ siajn mankojn. Pro tio estas konsilinde, ke oni nek tro skeptike rigardu tiujn flankojn de la arto, timante, ke ili kondukos al pereo, nek tro entuziasme sin deklaru partiano de unu tia direkto, ĉar kio hodiaŭ plaĉas pro noveco, morgaŭ jam perdos interesiĝon. Pli bone estas: rigardi ĉiujn direktojn pli aŭ malpli elstaraj aŭ eĉ elcentraj elmontriĝoj de vivo en la arto. Ankaŭ en Esperanto, precipe en la lasta jardeko antaŭ la dua mondmilito, esprimiĝis tiaj direktoj beletristikaj, el kiuj unuj evidentiĝis imitindaj kaj aliaj, ne trovante sufiĉan aprobon, baldaŭ malaperis.

La ĉefajn direktojn lastatempe konstateblajn en nia literaturo ni rigardu aparte:
Gravan lokon okupas la verkoj de Stellan Engholm, en kiuj malfacilas distingi inter originaloj kaj tradukoj, ĉar en ĉiuj la aŭtoro, resp. tradukisto, metis sian propran lingvan senton. Lia stilo fluas kaj eĉ en traduko de naciismoj ne montriĝas ia embaraso; ili fluas same facile el la plumo kiel pure logikaj dirmanieroj. Eĉ ŝajnas, ke la verkisto en siaj orginaloj intence imitas naciajn parolturnojn. El gramatika vidpunkto Engholm montras iujn direktojn, parte imitindajn, parte ne. Mi aludas lian uzadon de *tiom* kaj *kiom*, jam antaŭe menciitan, lian preferon por kondicionalo post *kvazaŭ* kaj precipe lian ŝaton por *sen* kaj eĉ aliaj prepozicioj antaŭ infinitivo, kio lasta iom rigide ŝokas en la stilo. Cetere, ne ĉie Engholm estas konsekvenca; la gramatikajn regulojn li ne konsideras netransirebla limo.

En tute alia direkto malvolviĝas la stilo de Ivo Rotkviĉ en ties traduko de „Cezaro". Ĝi liberigas sin kiom eble el la naciaj parolturnoj, alprenante esprimmanierojn, konstruitajn nur el la veraj Esperantaj elementoj; aliavorte: ĝi aplikas ĉiujn eblojn, kiujn nia gramatiko prezentas. Pro tio la vortkonstruo kelkfoje aspektas iom stranga, ĉar nekutima, sed ĝenerale ĝi estas korekta kaj logike klara. Tamen, niaopinie multaj formoj uzitaj en la nomita libro ne taŭgas por aliaj verkoj. Tian stilon oni rigardu pli ĝuste interesa eksperimento ol multe imitota ekzemplo. La plej trafa en „Cezaro" estas libera, ofte tro libera derivado de verboj el kiaj ajn vortradikoj, kio efikas jen mirige klare kaj tujkomprenige, jen iom serĉite, afektite kaj ĝene.

Eksperimentas ankaŭ aliaj aŭtoroj, inter kiuj Lanti, sed en alia direkto,

nome, severe aplikante la principon de „neceso kaj sufiĉo". Jam antaŭe kelkaj gramatikistoj klopodis redukti la uzadon de kelkaj sufiksoj ĝis nepra bezono. Per tio multe malpliiĝas la sufiksoj *ul, em, ec, aĵ, ad, il,* kio sendube plibeligas la vortaspekton. Sed ĝenerale tiaj eksperimentoj kondamniĝas al malsukceso, ĉar, se en unu vorto oni kutimas ellasi sufikson (ekz. *konstruo* anst. *konstruaĵo),* oni estas ofte devigita uzi alian sufikon por esprimi alian ideon *(konstruado* anst. *konstruo,* ĉar *konstruo* preferu ne indiku du ideojn: *aĵ* kaj *ad).*
En lia traduko „Kandid" de Voltaire oni speciale vidas tian simpligan provon. Grandparte Lanti sukcesis; aliaparte li eĉ uzis sufiksojn, kie ili pli bone forestu. Kvankam tiu traduko rikoltis multies aplaŭdon, ĝi ne havas mian admiron, estante ne ĉiuloke korekta. Laŭstile kaj -gramatike ĝin multe superas la originalaĵoj de Lanti: liaj „Vortoj" kaj precipe liaj „Leteroj", kiuj reliefiĝas pro sia kerneca, trafa, plurloke sarkasme akra, sed ĉie klara kaj nemiskomprenebla stilo.

Unu el la plej konataj literaturistoj estas sendube Baghy, kvankam lia stilo, cetere facila, ĝenerale klara kaj nepeza, libera kaj kelkloke eĉ ĉarma, tamen ne prezentas ion efektive apartan. En esprimado de sentoj per Esperanto Baghy estas majstro, sed, kiel pruviĝas el nekonsekvencaĵoj kaj troliberaĵoj de gramatikaj formoj, li ne estas gramatikisto. Plej ofte legata estas lia „Viktimoj"; aliaj verkoj liaj estas „Dancu Marionetoj", „Migranta Plumo", „Printempo en Aŭtuno", „Hura!"

Tre bona tradukanto, poeto, kaj ankaŭ vera gramatikisto estas K. Kalocsay. Lia gramatike dialektika talento estas mirige vasta, kvankam plurajn liajn konceptojn pri gramatiko ni ne povas akcepti. Estas tasko de ĉiu talenta gramatikisto, laŭeble solvi ĝisnunajn dubajn punkton en la gramatiko, sed tio ne signifas, ke per individua solvo iu problemo estas nepre devige por ĉiuj solvita. Eĉ la plej genia solvo de duba afero ne havigas la rajton nomi ĉiujn aliajn solvojn eraraj. Ĉe tio mi pensas i.a. pri la decido de Kalocsay koncerne modon post *kvazaŭ,* pri la *a*-finaĵo por virinaj propraj nomoj kaj pri lia ideo „inversa vortefiko", eltrovo por nomi korektaj tiajn formojn en vortfarado, kiajn oni ĝis nun rigardis nepre kontraŭregulaj. Tiujn ĉi kaj aliajn ideojn Kalocsay malvolvis en sia „Lingvo-Stilo-Formo" kaj en „Plena Gramatiko", interesega dokumentaro, sed leĝaro nepre malakceptinda. La elementajn lingvajn regulojn kreis Zamenhof mem. La ceteraj multegaj reguloj estiĝis el kompara studado inter Esperanto kaj la naciaj lingvoj, el bezono de aŭtoroj de lernolibroj por prezenti Esperanton plej facile lernebla al sianacianoj, kvazaŭ por transponti la abismon inter la nacia lingvo kaj Esperanto; kaj fine: el la praktika aplikado de la lingvo, precipe en la literaturo. Tiu praktika aplikado tamen ne estas ĉiam korekta. Pluraj aŭtoroj fuŝe tordis la lingvon. Generale agnoskatajn lingvajn regulojn kompetentulo povas kaj rajtas konstati en la praktiko. Kalocsay tamen faris gravan eraron: li konstatis multe pli multe ol necesis kaj ol li rajtis prezenti kiel leĝaron. Liaj mencioj estas interesaj por lingva studado; kiel leĝaro agnoskenda ili fiaskis. Kaj krom tio: inter la amaso da inter si ofte kontraŭaj formoj li trudas ialoke sian personan opinion, kondamnante aliies preferojn.



La plej konataj originaloj de Kalocsay estas „Mondo kaj Koro", „Rimportretoj" kaj „Streĉita Kordo", kaj kiaj plej bonaj tradukoj „Tragedio de l' Homo" de Madach, „Eterna Bukedo" kaj „Infero" de Dante, kiu lasta estas vera majstroverko, en kiu ni tamen ne povas ne konstati, ke la tradukinto plurloke kreis lingvajn deviaĵojn ne laŭprincipe, sed por konformigi la formojn al la poeziaj reguloj. La formoj do kreiĝis ne el bezono, sed el momenta neceso. En si mem la verkoj de Kalocsay ne prezentas stilon absolute originalan, nek lingvaĵon tute novan. Li mem konfesas, ke la „budapesta skolo", kies animo li estas, „deziras daŭrigi tie, kie Zamenhof kaj Grabowski delasis", rigardante „la lingvon vivanta", salutante „ĉiujn ĝiajn apartaĵojn, nelogikaĵojn, idiotismojn.... kiel signon de memstara vivo". Sed en vero Kalocsay daŭrigas la laboron pli de Grabowski ol de Zamenhof, kaj eĉ en grado multe pli ekstrema ol Grabowski mem. Krom tio ekzistas tre granda diferenco inter lia propra intence elcentra lingouzado kaj liaj juĝoj, recenze donitaj pri verkoj, en kiuj svarmas eraroj, faritaj pro nekompetenteco de la aŭtoroj aŭ tradukintoj mem.

La recenzoj en la Esperanta gazetaro formas gravan parton de la historio de l' Esperanta literaturo, malgraŭ la bedaŭrinda fakto, ke ili, precipe en la komenca tempo, ne estas sufiĉe fidindaj, ĉar ne ĉiam konscience verkitaj. Tro multe la recenzistoj ĝojis pro ĉiu ajn nove aperinta literaturaĵo, ol ke ili povus krom laŭdi ankaŭ kritiki ĝiajn malbonajn flankojn. Iom post iom oni tamen fariĝis pli elektema kaj per tio kritikema. Per fidindaj recenzoj distingiĝis precipe „Heroldo de Esperanto" kaj „The British Esperantist". Al recenzoj k.s. „Literatura Mondo" dediĉis eĉ specialan „Bibliografia Gazeto", en kiu aperis krom trafe verkitaj recenzoj bedaŭrinde ankaŭ ofte nemerititaj laŭdoj pri fuŝeldonoj.

Inter la modernaj verkoj iom elstaras la stilo kaj lingvaĵo de W. Bailey en „Petrolo" de Upton Sinclair, guste pro la fakto, ke ne la stilo havas elstarajn karakterizaĵojn, sed pro tio, ke la aŭtoro precizege klopodas apliki la formojn, de Zamenhof mem uzitajn. Bailey ne lasas sin gvidi de modernaj konceptoj, nek de plejeble precize ellaboritaj logikaj teorioj. Li simple daŭrigas la stilon de Zamenhof, per tio donante vere purajn modelojn, sed samokaze kaŭzante ian stabiligon en la evoluo de la lingvo. Per si mem tio lasta eble estas iomete riproĉinda; en la tuto de la evoluo tio estas faktoro utilega, ĉar tio iom bremsas aliies klopodojn evoluigi la lingvon per formoj tro artefaritaj kaj tro akcelaj.

Nekutime pezan stilon oni povas konstati en kelkaj S.A.T.-eldonoj. Kvankam en iuj tiun stilon postulas temoj kun scienca, ekonomia aŭ simila karaktero, en aliaj ĝi estas senbezone peza.
Malbonan servon faris S.A.T. al la esperantistaro per la fuŝtradukoj „Jimmy Higgins" kaj „La brava soldato Ŝvejk", kies bonaj enhavoj grave suferis pro la nekompetenteco de iliaj tradukintoj.

Verko, kiu povus esti fiero por la esperantistaro pro sia graveco, „Rigardu la Teron" de H. W. van Loon, fariĝis fiasko pro sia malbona traduko, pri kiu kulpas G. Saville. Ŝajnis, kvazaŭ oni elektis por

traduki geografian verkon personon, kiu havas nenian komprenon, almenaŭ ne en Esperanto, pri geografiaj nomoj. En la verko svarmas ĉiaj fareblaj tradukoj — kaj netradukoj — de tiaj nomoj. Al ne-esperantistoj ĝi montras unu el niaj malfortaj flankoj: la nesolvitan problemon de la propraj nomoj.

Inter la originale verkantaj aŭtoroj nur kelkaj scias la arton verki tiom flue kaj malpeze, kvazaŭ ili verkas en sia lingvo nacia, ne kutime uzante idiotismojn. Rimarkinde ja estas, ke diversaj originaloj estas kvazaŭ traplektitaj per esprimoj, propraj al naciaj lingvoj. Kvankam pluraj el ili estas trafe formitaj, ofta uzado havigas al originala verko pli la aspekton de traduko ol de originalo.
Al la vere originalaj verkistoj apartenas, eble unuavice, Jean Forge (pseŭdonimo de Jan Fethke), kiu en siaj verkoj, „Abismoj", „Saltego trans Jarmiloj" kaj „Mr. Tot aĉetas mil okulojn", evidente celis uzi la lingvon kiom eble plej libere el nacilingvaj ligiloj. Bonan impreson faras liaj metaforaj bildoj, ekz.: *grizo marŝas tra la stratoj; la poploj minacas gigante; malĝojan ĉambreton, en kiu kaŭras geedziĝintaj malsato kaj malvarmo; ne babilaĉu tiajn sterkaĵojn; mia stomako krakas; laco ĉirkaŭprenas* k.m.a. Nekomprenebla estas tamen lia stranga uzo de *vi* post *kiu* en ekz.: *homoj, kiuj vi estas feliĉaj; kiu vi havas kapon, kies senhareco respegulas vian malsaĝon, kaj kiu vi grakas kvazaŭ germana korvo.*

Ĉe la fino de tiu ĉi ĉapitro mi menciu, ke, krom la signifoplenaj stilnuancoj ĉi supre skizitaj, aperis diversaj libroj kun negranda aŭ tute sen ia literatura valoro kun stilo nur pro tio rimarkinda, ke iliaj, cetere en Esperantio preskaŭ nekonataj, tradukintoj aplikas en ili fraztordiĝojn, kripligitajn vortkonstruojn aŭ tro nekutimajn gramatikajn formojn, kiel: nacikutiman ellason de l' subjekto (ekz.: *venos tuj* anstataŭ: *mi venos tuj*), en Esperanto nepermeseblan, ĉar la Esperantajn verboformojn ne influas la persono kiel en aliaj lingvoj — nekutiman antaŭenmeton de komplemento kun la prepozicio *al (mi al vi diras)* — trokaj misuzadon de *po* — nacikutiman uzadon de *vi* kaj *ni* kun la senco de *oni* — ellason de demanda vorto en frazo demanda *(vi devas iri?)* — trouzadon de malsimplaj verboformoj, kaj precipe laŭvortan tradukadon.
Ĉar tiaj nekutimaĵoj neniel influas le evoluon de la lingvo, mi ne menciu la koncernatajn librojn, nek iliajn tradukintojn. Nur por kompletigi mian superrigardon mi menciis kelke da tiaj strangaĵoj, kiaj evidente originas parte el nekompetenteco de tradukintoj, parte el iliaj deziroj prezenti ion novan ĝis nun neviditan kaj parte ankaŭ el klopodoj intencaj aŭ senintencaj kiom eble plej ĝuste transmeti la originalajn formojn, per kio la kaŝita senco en la frazo ofte perdiĝas aŭ kripliĝas.



## DIVERSNACIECO.

Kun fiero ni deklaras verve,
Ke l' ideo regas senrezerve.
Tamen, ni permesas sen skrupuloj,
Ke ĝin fuŝu naciecmakuloj.

La konstantaj klopodoj puŝi la lingvon en direkto plejeble logika, ne povis ne elvoki reakcion. Strange nur estas, ke tiu reakcio estas konstatebla ne ĉe literaturistoj, principe preferantaj formojn naciajn super logikaj kaj laŭ tiu principo mem tiel agas. Oni povis konstati ĝuste inversan evoluon de l' afero: malgraŭ la zorgaj penadoj de logikemuloj la Esperantan literaturon enpenetris konstante pli kaj pli multe da libroj el vidpunkto logike riproĉindaj. La recenzado ĝenerale ne estis severa por senindulge kondamni tiujn librojn, pro kio ili estis legataj same ĝenerale kiel verkoj vere bonaj. Kaj el tiu fakto rezultis la stranga, iel eĉ kontraŭnatura fenomeno, ke pli kaj pli multaj literaturistoj, ne volantaj nomi grandan kvanton da nia literaturo laŭvalore dubinda aŭ eĉ malbona, klopodis trovi en faritaj eraroj kaj kritikindaĵoj tamen ion bonan. Aliavorte: ili klopodis defendi la malbonon, serĉante por ĝi akcepteblan bazon. Tiun bazon ili prezentis en la aserto, ke naciaj parolturnoj kaj gramatikaj formoj esence naciaj reprezentas en Esperanto pliriĉiĝon. Laŭ tiu ilia opinio oni ne klopodu ekstermi tiajn formojn, sed male, ili estu bonvenaj!
En gazetartikoloj oni komencis averti kontraŭ tro skrupule logika aplikado de la lingvaj reguloj, asertante, ke tio ĝenerale farus la aspekton de la lingvo rigida kaj monotona. Kelkaj aŭtoroj eĉ kuraĝis malkase diri, ke ili preferas efektive *mal*logikajn naciajn formojn super formoj logikaj.

Grava faktoro en la historio de Esperanto estis la fondo de la eldonejo „Literatura Mondo", ĉar efektive la malvolvigo de la Esperanta literaturo bezonis koncentriĝon de fortoj. Antaŭaj kaj ankoraŭ ekzistantaj entreprenoj, inter kiuj „Heroldo de Esperanto", tiudirekte jam efikis utile, sed neniu el ili sukcesis tiom grandskale entrepreni la eldonadon ekskluzive de literaturaĵoj.
Ni povus esti ĉiurilate dankaj al L.M., se ne ekzistus tri faktoroj, kiuj multe moderigas nian ĝojon pri la jam atingitaj sukcesoj.
Unue, la komerca karaktero de L.M. ofte superombris ĝian literaturan valoron.
Due, same kiel iagrade jam „Heroldo de Esperanto" kaj „Internacia Cseh-Instituto", ankaŭ L.M. pro siaj tre kompetentaj kunlaborantoj prenis sur sin aŭtoritatan pozicion, pri kiu neniu privata esperantisto, nek iu ajn Esperanto-institucio, escepte de L.K., rajtas. Ekster la fundamente fiksitaj lingvaj reguloj ja ekzistas en Esperanto diversaj lingvaj problemoj ne ĝenerale solvitaj. Tiujn ĉi problemojn ĉiu kompetentulo klopodas solvi, kvankam ne rajtante deklari sian solvon deviga aŭ valida ankaŭ por aliaj esperantistoj. Sed estas facile komprenebla

fakto, ke influhava esperantisto aŭ institucio eĉ bonintence metas sin mem super ĉi tiun liberalan starpunkton, klopodante trudi siajn konceptojn al la esperantista popolo, dume forgesante, ke ekster tiuj konceptoj ekzistas ankoraŭ aliaj opinioj. Pro tiu ĉi fakto oni jam sprite komparis L.M. kun insulo, kies loĝantoj vivas same izolitaj el la ekstera mondo.

La lingvaj konceptoj de L.M. kolektiĝis en la verkon „Plena Gramatiko" de Kalocsay kaj Waringhien, kiuj pro sia profunda ellaboro de pluraj lingvaj problemoj meritas grandan respekton, sed kies solvoj prezentitaj tiaforme tro pretendas aŭtoritaton, kiun ĝi ne povas havi.

Trie kaj fine: malgraŭ la lingvaj konceptoj, esprimitaj en P.G., L.M. tamen aplikas iasence tro liberalan starpunkton koncerne la lingvan kvaliton de siaj eldonoj. Krom pluraj lingve kaj stile bonegaj kaj modelaj verkoj, aperis ĉe L.M. ankaŭ aliaj libroj, kies lingva kvalito estas eĉ malbona, ĉar iliaj tradukintoj tro libere aplikis la lingvajn regulojn, enkondukante plurajn formojn esence naciajn, per kio ili, anstataŭ pliriĉigi la literaturan lingvon, multrilate makulis ĝian purecon.

La eldonoj de L.M. estas tro multaj, ol ke ni povus dediĉi al diversaj el ili apartan konsideron. Ni nur metu unu kontraŭ alian kelke da tradukoj laŭ lingva kvalito al si ekstremaj, unue: „Romano de San Michele" de Axel Munthe, en kiu la lerta tradukintino Jenny Weleminsky, kvankam obeante la lingvajn regulojn, tamen sukcesis prezenti verkon kun facila kaj bela stilo, ne ĝenante la legantojn per rigidaj naciaj formoj. „La strato de l' Fiŝanta Kato" de Jolanta Földes, kies tradukintoj Ladislaoj Halka kaj Spierer prezentas al ni verkon kun amaso da evidente naciaj formoj, kiuj sendube havigas specialan ĉarmon al la originalo, sed en Esperanto aspektas tamen kvazaŭ tradukoj faritaj de elementkursano. Konklude: la nacia ĉarmo de iu parolturno kaŝiĝas ne ekskluzive en la ekstera aspekto de tiu formo, sed en ĝiaj aspekto kaj spirito kune; laŭvorte tradukita laŭ la spirito de Esperanto tia formo konservas sian ĉarmon kaj pliriĉigas la lingvon. Nur en tia tradukado konsistas vera arto; la unue nomita ne estas tradukarto, ĝi estas transmetado de vortoj.

Pro sia kvazaŭ aŭtoritata pozicio L.M. rikoltis kun laŭdoj nur malofte malaprobon. Se la kompetentaj aŭtoroj ĉirkaŭ L.M. metus sin pli ĝuste inter ol super la esperantistaron, ili sendube akirus pli ĝustan komprenon pri tio, kion ĝi sentas, sed ofte ne kuraĝas esprimi pro troa respekto al la superkompetenteco. Kaj, se L.M. ne rigardus ĉiun sian kunlaborantaron jam pro tio spertulo, sed eduke gvidus la kunlaborantaron en direkto al lingva perfektiĝo, ĝi rikoltus laŭdojn ne nur buŝajn, sed sincere sentatajn.

Ankaŭ F.L.E. komencis kontribui al pliriĉigo de la literaturo. Aperis serio da volumoj, zorge elektitaj el diversaj lingvoj. Menciindas: „Fontamara", de Silone, en flua traduko de Van Scheepen; „Homoj en Milito", de Latzko, kies tradukinto, Minor, praktikis kelke da preferataj, sed nekutimaj gramatikaĵoj, i.a. la prepozicio *da* antaŭ artikolo, formo, kiu ne trovis imiton ĉe aliaj aŭtoroj; „Kulio", de Székely-Lulofs, tradukita de Makkinje, „Taglaboristoj" de Kirk, en traduko de Friis kaj Jensen.



## STAGNO KAJ REVIVIĜO.

Kion ajn kruda potenco detruas;
Ne la spiritajn valorojn ĝi skuas.
Ju pli subpremis iama kateno,
Des pli abunda post tio la beno.

Pli grave ol la unua mondmilito, la dua tia katastrofo kaŭzis perdojn al la Esperanta movado. En ĉiu lando, kie la faŝisma „kulturo" furiozis kaj orgiis, ĝi subpremis aŭ malpermesis la movadon. La lando de l' „kulturo" donis la ekzemplon. Hispanio obee ĝin imitis. Dum la milito mem preskaŭ ĉiuj eŭropaj ŝtatoj fariĝis viktimoj de l' barbarismo. Tamen, malbonaj psikologoj sin montris la subpremantoj: la historio ja povus instrui al ili, ke neniam oni sukcesas ekstermi movadon kun noblaj ideoj. Devigite la esperantistaro ĉesis sian agadon. La tuta movado stagnis. Morti ĝi tamen ne povis!

Post kelkjara ŝajnmorto, dum kiu terura tempo neniu verko povis aperi, la esperantistoj daŭrigis sian laboron, kvazaŭ ne estis okazinta longa interrompo. Pro la multaj suferitaj perdoj, ankaŭ koncerne librojn, la tuja bezono pri literaturaĵoj estas granda. Sed ekzistas malhelpoj: kvankam aŭtoroj kaj tradukantoj inklinas rekomenci sian interrompitan taskon, mankas sufiĉe da papero, presistoj ne tuj pretas akcepti laborojn, tro altaj kostoj malhelpas eldonistojn kaj.... aĉetontojn, aŭ -untojn?

Tamen, Svedio komencas. La unua verko, „La Fino", de Bernadotte, sukcesas plene. Avidega al primilita literaturo, la esperantistaro ĝin postulegas. Stellan Engholm liveris la tradukon, el kio kompreneblas, ke ĝi estas bone farita. Tamen, la urĝe preparita traduko montras mankojn pro troa rapido: kelke da svedismoj kaj ialoke malpli glata stilo, ol kiun Engholm kutimas liveri.

Ĝia eldonejo, „Eldona Societo Esperanto", intencas aperigi serion da literaturaĵoj sub la titolo „Stelo-Libro", el kiu „La Fino" estis la unua. Ĝin sekvas „La Granda Aventuro", originalaj noveloj de Szilágyi, konata stilisto.

Plej trafas nin en tiu ĉi libro la stilo. En esprimado de sentimentoj Szilágyi estas geniulo. Ĉiuloke lia stilo estas facilforma, varia, kolorriĉa kaj ialoke kaprica. Mirige la aŭtoro scias konformigi la lingvoformojn al la esprimendaj sentimentoj. Lia lingvaĵo fluas ĉarme, kaj nenie oni ĝeniĝas pro neplaĉa aŭ rigida esprimo. Unuvorte: li scias majstre „manipuli" la lingvon.

El la multaj genie formitaj esprimoj mi menciu nur: *Ĉu la juna sinjoro jam moŝtis forlasi sian baldakenliton?* (10-29). *Ŝi iomete „katumis" kun li* (10-4). *Ŝi memoras nur pale* (113-16). *Estus pli saĝe dormi kaj daŭrigi la riĉulecon endorme* (12-21). *Ŝi vagabondas.... Kun tiu ruĝvanga, pomadita minescias kiu* (10-9). *Oni asocias tiun ĉi kurioze ravan epizodon kun esperanto* (72-27). *Orfolio lulas sin malsupren* (14-2). *Apenaŭa meĉo de konscio* (53-27). *Motorboatoj pafpafas* (83-26).

Ne plaĉas *foje foje, senmovo* (16-7) apud *senlaboreco* (19-6), nek la hungardevenaj, nekompreneblaj interjekcioj *eĥ, ejhaj, a-a-oh, a-ooh, hejhaj, huhh.* Strange, ke precipe hungaraj aŭtoroj ŝate miksas siajn naciajn interjekciojn en nian lingvon!
Malpli sukcesa estas „Mi serĉas oron kaj oleon, sed trovis...." de David Flood, tradukita de Gustafsson. La rakonto estas kvankam ne nova, tamen interesa.
Kiu tamen intencas legi ĝin por ĝui ankaŭ bonan stilon, seniluziiĝos, ĉar vane oni serĉis en ĝi modelstilan frazon. Oni ekhavas la impreson, ke la tradukinto penegis transmeti la enhavon en gramatike kaj laŭvorte ĝustan formon, kvankam ankaŭ ĉi koncerne ne sufiĉis liaj kapabloj. La unuaj ĉapitroj montras pli da zorgoj de l' tradukinto ol la cetera parto, en kiu kelkalinee la frazoj sin prezentas sen ia interligo.
Sekvas „Vivo vokas", originalaĵo de Engholm, kiu denove sin montras lerta stilisto. Lia stilo estas simpla kiel ĉiam, senpretenda, neniel afekta. Tiu ĉi lasta verko laŭ korekteco superas ĉiujn liajn antaŭajn.
Ankaŭ la danoj ne restas senlaboraj. „Tra densa mallumo", kompilita de P. Neergaard estas pruvo pri zorgoplene farita laboro laŭstile kaj -gramatike. „Pli ol Fantazio" de Bögh-Högsted, tradukita de Graversen, aperas kontrolita de „Literatura Komitato" de F.L.E. „D-ro Dorner", originale verkita de Egerrup, estas bona, sed sen literatura valoro.
Unuafoje aperas atentinda literatura verko en Portugalio: „Vivo de Zola", de A. de Silva, zorge tradukita de M. de Freitas. Rimarkindas, ke sub flua kaj plaĉa stilo sin kaŝas pluraj gramatikaj eraroj. Malgraŭ tio la verko vekas la esperon, ke ankaŭ el tiu „mondangulo" ni povas atendi pliriĉiĝon de nia literaturo.
Kaj fine: en Nederlando aperas „La Perfido", de A. M. de Jong, kies tradukinto, W. F. Kruit, metis al si specialan taskon: traduki el sud-nederlanda (brabanta) dialekto, en kiu tasko li bone sukcesis.
Tamen, pri tradukado el dialektoj necesas ĝustigi eraran opinion: Ekzistas skrupuloj kontraŭ tradukado de libro, en dialekto verkita, ĉar onidire perdiĝas per tio la „suka" specialeco de la dialekta lingvaĵo. Sendube ĝi perdiĝas! Sed oni atentu, ke tiu aparta dialekta ĉarmo ekzistas nur por la uzantoj de la koncernata nacia (ŝtata) lingvo mem. Alialingvanoj ĝin ne sentas. Sed.... ankaŭ la speciala nacia karaktero de kiu ajn verko ja perdiĝas en ĉiu traduko! Tio koncernas ne nur tradukojn en Esperanton, sed same en ĉiun nacian lingvon. Kio el ĝi ne perdiĝas, tio estas formoj permeseblaj ankaŭ en la lingvo, en kiun oni tradukas. Kiu deziras plenmezure ĝui la originalan valoron de iu verko, tiu ĝin legu en la originala lingvo mem. Perdiĝo de tiu valoro pro la traduko estas malavantaĝo ne ekskluzive de Esperanto, sed de ĉiu lingvo senescepte.
Verko speciale atentinda estas „La nevenkebla ĝeno", de Theo Thijssen, tradukita de F. Faulhaber, kiu dum sia laboro devis venki plurajn malfacilaĵojn, rezultintajn el la nekutima temo. Tio estas nova pruvo, ke Esperanto povas servi al ĉiaj aspektoj de la literaturo.
Kion la literatura lingvo plej bezonas por plena malvolviĝo diversdirekte, tio estas verkoj kaj tradukoj pri plej diversaj temoj. Ne la ordinara romano riĉige kontribuas al la evoluo, sed verkoj, kies tendenco aŭ temo ĝis nun estas ne aŭ malofte traktita en Esperanto.



# PERSPEKTIVOJ.

Provizitaj per sperto, per scio kaj lerto
La trezoron ni gardas.
Kun modesta fiero, konfido, espero
Perspektivon rigardas.

En dek-duo da ĉapitroj mi klopodis skizi la evoluon de nia lingvo, precipe de la lingvo literatura. Kiel mi jam diris, ne estis mia intenco registri ĉiujn faktojn kaj rimarkindaĵojn en kronologia sinsekvo, ĉar tiu ĉi priskribo ne celas prezenti historion. Mi deziris prezenti nur la ĉefajn fenomenojn kaj la plej elstarajn faktojn el la evoluo de la lingvo, per tio klopodante pruvi ilian intiman interrilaton, aliavorte: ke neniu okazaĵo, kiom ajn frapa siatempe, nun povas mirigi nin; male, ĉiuj faktoj kvazaŭ ĉene formas unu vicon, el kiu eĉ unu ĉenero ne povas manki. Bonojn sekvis malbonoj, sed malbonojn bonoj; entute la evoluo prezentas kvazaŭ leve malleve irantan linion, kies mallevoj servas nur por poste tiom pli forte montri leviĝon.
Evoluo estas spirita progreso, do antaŭenirado, kaj jam uzante la vorton „evoluo", ni pruvas per tio, ke pri la laŭebla perfektiĝo de Esperanto kiel literatura lingvo ni ne havas timon. Kvankam en la lasta jardeko antaŭ la dua mondmilito montriĝis diversaj signoj de supraĵemo kaj eĉ de ia degenero, ni eĉ pro tio ne bezonas senti timon. Veran reiron la evoluo ne konas; ĉiu degenereto estas nur reiro kvazaŭa, havanta kiel sole veran rezulton, ke ĝi finfine elvokos agadon por nova, eĉ pli ekzakta purigo de la lingvo.
La neperfektaĵoj kaj malbonoj en la uzado de la lingvo estas provizoraj fenomenoj; ili ne povas longe ekzisti, ĉar ĝuste pro la internacia uzado de la lingvo ĝiaj mankoj kaj nekorektaĵoj, preskaŭ ĉiuj origínintaj el naciaj kutimoj kaj pensmanieroj, ne povas ne ĝene evidentiĝi kaj elvoki purigan agadon.
En la nuna tempo la amaso da tro naciaj parolturnoj kaj gramatikaj nekorektaĵoj, uzata en la literaturo estas jam granda, sed ne tiom granda, ke ĝi ĝenerale kaŭzas ĝenon al la legantoj. Kelkfoje ni povas eĉ konstati la malon: se oni renkontas en verko de alialandano naciismon, hazarde ekzistantan ankaŭ en la lingvo de la leganto, oni ne povas ne agrable miri pri tio, kvazaŭ renkontante malnovan konaton en fremda lando. Sed tiom pli facile oni pro tio forgesas, ke certe ne ĉiuj naciismoj estas plurnaciaj! Tre miriga do estas la fakto, ke iu hungara recenzisto aprobis naciismon en nederlanda traduko ĝuste tial, ke tiu naciismo hazarde troviĝas ankaŭ en la hungara lingvo! Sed du- aŭ kelknacieco ne estas kriterio, laŭ kiu ni aprobu iun esprimon en Esperanto! Por trovi aprobon tia esprimo estu internacia aŭ almenaŭ plurnacia! Sed super ĉio ĝi ne estu kontraŭa al la logiko!
Instigite de senbazaj aproboj, kelkaj tradukantoj certe enkondukos tiajn naciismojn tiom grandskale, ke finfine la libroj, enhavantaj amason da tiaj formoj kondamnos sin mem, ĉar librojn oni legas

unuavice por kompreni ilian enhavon kaj certe ne por solvi enigmojn, nek por serĉi la veran sencon de iu mallogika esprimo, ĉar — kaj tion multaj ne atentas — en mallogika aŭ kontraŭregula formo ofte kaŝiĝas pli ol unu signifo.
Sed kompreneble, kvankam ne timante, ke homaj eraroj kaj suprajemo efektive baros la vojon kontraŭ natura evoluo, esperantistoj, vere amantaj sian lingvon, tamen ne povas lasi la evoluon kvazaŭ al la vento kaj la fluo, sed kontraŭe, atentigante pri la eraroj kaj mem klopodante apliki la lingvon korekte, ili ebenigos la vojon al ĝenerala perfektiĝo.

Perspektivon oni kutimas bazi sur historiaj spertoj. Tion faru ankaŭ ni! Kaj la historio pruvis, ke la lingvo povas rezisti kontraŭ skuoj, ke el tiuj skuoj eĉ rezultas plifortiĝo. Pro tio ni prave povas konfidi, ke la estonteco de nia lingvo estas certigita, ke ĝi havas perspektivon esperigan.
Modestaj signoj pri tia perspektivo jam montriĝis. Kiel la unuan mi mencias la fondon en „Esperantista Akademio" de la Sekcio de Kontrolo, kies fervorega direktoro, Rollet de l' Isle, bedaŭrinde tro frue mortinta, okupis sin pri vere giganta tasko: kontroli jam aperintajn verkojn. Ke la rezultatoj de tiu agado ne estis kontentigaj, certe kaŭzis la fakto, ke mankis sufiĉe da fervoraj kaj kompetentaj kunlaborantoj. Alia provo konduki la malvolviĝon de la lingvo laŭ ĝusta kaj laŭeble unuforma direkto, estas la eldonoj de tri verketoj de la sama eminenta lingvisto: „Skribado kaj Prononcado de la Personaj kaj Lokaj Nomoj", „Farado kaj Analizo de la Malsimplaj Vortoj" kaj „Malsimplaj Formoj de la Verbo". Nur kun bedaŭro ni konstatas, ke ĝenerale la esperantistoj atentas malpli la vere studindan enhavon de tiuj tri broŝuroj, verkitaj de l' tiama prezidanto de L.K. ol prilingvajn rezonojn de aliaj aŭtoroj. Speciale atentinde estas, ke Rollet de l' Isle verkis siajn pritraktojn sub la moto „Logika Esperanto".
Kaj due mi mencias, ke en Nederlando „Federacio de Laboristaj Esperantistoj", poste ŝanĝita en asocio, fondis „Literatura Komitato", kies celo estas bari la vojon kontraŭ plua fuŝado de la lingvo. La komitato jam funkciis, publikigante en la Esperanta gazetaro tiucelajn alvokojn, kaj kontrolante serion da literaturaj verkoj. Ke malgraŭ plej severa kontrolo, recenzistoj trovos en tiuj verkoj kritikindaĵojn, pri tio ni estas certaj, ĉar ĉe multaj recenzistoj ankoraŭ tro gravan rolon ludas personaj konceptoj pri la lingvo kaj ligiteco al malnovaj kutimoj. Tamen tio ne domaĝos! Reakcio kontraŭ la komitato nur pli forte atestas, ke ĝi iras sur la ĝusta vojo kaj trafas la malbonon en la kernon. La komitato ne celas kateni aŭtorojn kaj tradukantojn koncerne iliajn personajn preferojn pri dubindaj punktoj en la lingvo, sed nur kontraŭagi suprajemon kaj nekompetentan skribadon. Ke ĝi atingos sian celon, helpate de multaj samcelaj esperantistoj, pri tio ne ekzistas dubo. Ankaŭ en tiu rilato al esperantistoj vere amantaj sian lingvon, validas ankoraŭ:

Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.



# LA NEĜA BLOVADO

Rakonto de A. Puŝkin,

tradukita de A. Grabowski[1]).

En la fino de l' jaro 1811a, en epoĥo al ni memorinda, vivis en sia vilaĝo Nenaradovo la bona Gavrilo Gavriloviĉ' R. Li gloriĝis en la tuta ĉirkaŭaĵo pro gastamo kaj koreco; la najbaroj ĉiuminute veturadis al li por manĝi, trinki, ludi kun lia edzino Praskovja' Petrovna po kvin kopekoj je l' bostono; kaj kelkaj el ili — por rigardi ilian filineton Marion Gavrilovna'n, gracian, palan kaj deksepjaran junulinon. Ŝi estis rigardata kiel riĉa fraŭlino, kaj multaj antaŭdecidis ŝin por si aŭ por siaj filoj.
Mario Gavrilovna estis edukita sur francaj romanoj kaj tial kompreneble jam amanta. La objekto, elektita de ŝi, estis malriĉa oficiro, kiu sin trovis forpermese en sia vilaĝeto. Estas kompreneble per si mem, ke la juna homo brulis egale per ama fajro, kaj ke la gepatroj de lia amata, sciiĝinte ilian duflankan amon, malpermesis la filinon eĉ pensi pri li, kaj lin ricevadis pli malbone ol eksigitan ĵuran alsidanton.
Niaj amantoj estis en korespondado, kaj ĉiun tagon ili sin vidis je kvar okuloj en pina arbareto aŭ ĉe l' malnova preĝejeto. Tie ili ĵuradis unu al la alia eternan amon, plendadis je la sorto kaj faradis multoblajn projektojn. Korespondante kaj interparolante tiasence, ili (kio estas tre natura) alvenis al la jena decido: se ni unu sen la alia ne povas vivi, kaj la volo de la senkompataj gepatroj baras nian feliĉon, ĉu ni ne povas veni al la celo ankaŭ sen ĝi? Oni komprenas, ke tiu ĉi feliĉa penso venis unue en la kapon de l' juna homo, kaj ke ĝi multe plaĉis al la romana fantazio de Mario Gavrilovna.
Venis la vintro kaj ĉesigis iliajn revidojn, sed la korespondado fariĝis tiom pli viva. Vladimiro Nikolajeviĉ en ĉiu letero ŝin petegis ke ŝi transdonu sin al li, edziĝu je li sekrete, kaŝu sin kelkan tempon kun li, kaj poste ili ĵetus sin al la piedoj de la gepatroj, kiuj nature estus fine tuŝitaj per la heroa konstanteco kaj la malfeliĉo de la amantoj kaj dirus al ili certe: „infanoj, venu al niaj koroj!"
Mario Gavrilovna longe ŝanceliĝadis; multaj projektoj de l' forkuro estis forĵetitaj. Fine ŝi konsentis: en certigita tago ŝi devis ne vespermanĝi, sed foriĝi en sian ĉambron el la ŝajnkaŭzo de l' doloro je l' kapo. Ŝia servanta knabino estis en la komploto; ili du devis eliri en la ĝardenon trans la posta balkona ŝtuparo, trovi pretigitan glitveturilon, sidiĝi sin en ĝi kaj veturi ĉirkaŭ kvin verstojn de Nenaradovo, en la vilaĝon Jadrino, rekte antaŭ la preĝeton, kie Vladimiro jam devis ilin atendi.
Antaŭ la decidanta tago Mario Gavrilovna ne dormis tutan la nokton; ŝi ordadis kaj kunligadis sian tolaĵon kaj vestaĵon, skribis longan leteron al unu sentema fraŭlino, sia amikino, alian al siaj gepatroj.

[1]) Tiu ĉi traduko estis farata en la unua jaro de Esperanto, kiam ekzistas nur la unua lernolibro kun vortareto, enhavanta pr. 900 radikojn. En la dua eldono, 16 jarojn poste, Grabowski diras antaŭparole i.a.: „Aliaj samideanoj eble interesiĝos ekvidi, kiaj estis la infanaj kaj knabaj jaroj de la nuna viriĝanta Esperanto".

Ŝi diris adiaŭ al ili en la plej kortuŝantaj vortoj, senkulpigis sian eraron per la nevenkebla forto de la ama sento kaj finis per tio, ke la plej feliĉa minuto de l' vivo estos por ŝi tiu, kiam estos permesita al ŝi ĵeti sin al la piedoj de la plej karaj gepatroj. Sigelinte la du leterojn per Tula sigelilo, sur kiu estis elformitaj du brulantaj koroj kun konvena surskribo, ŝi ĵetis sin sur la liton mallonge antaŭ la lumiĝado de l' tago, kaj ekdormetis; sed ankaŭ tie ĉi teruraj sonĝaj fantazioj ĉiuminute ŝin vekadis. Jen ekŝajnis al ŝi, ke en tiu sama minuto, kiam ŝi sidiĝis en la glitveturilon por veturi al la edziĝo, la patro ŝin ekhaltigis, kun turmenta rapideco ŝin trenis sur la neĝo kaj ĵetis en malluman kaj senfundan subteraĵon.... kaj ŝi flugis malsupren kun neklarigebla mortiĝado de l' koro.... jen ŝi vidis Vladimiron, kuŝantan sur la herbo, palan kaj sangantan. Mortante, li petegis ŝin per voĉo iranta tra l' koro, ke ŝi rapidu por lin edziĝi.... Aliaj malbelaj, sensencaj sonĝaj vidaĵoj sin portis antaŭ ŝi unu post alia. Fine ŝi levis sin el la lito, pli pala ol kutime, kaj kun ne-preteksta doloro je l' kapo. La patro kaj la patrino ekvidis ŝian maltrankvilecon; ilia karesa zorgado kaj la senĉesaj demandoj: „Kio estas al vi, Manjo? Ĉu vi ne estas malsana, Manjo?" disŝiradis al ŝi la koron. Ŝi penis ilin trankviligi, montri sin ĝoja, kaj ne povis.
Venis la vespero. La penso, ke jam je l' lasta fojo ŝi pasigas tagon en la mezo de sia familio, premis ŝian koron. Ŝi estis apenaŭ viva; sekrete ŝi diris adiaŭ al ĉiuj personoj, al ĉiuj objektoj, kiuj ŝin ĉirkaŭadis. La vespermanĝo estis enportita; ŝia koro forte ekfrapis.
Per tremanta voĉo ŝi diris, ke ŝi ne havas apetiton por vespermanĝi kaj komencis adiaŭi je la patro kaj la patrino. Ili ŝin kisis kaj, kiel kutime benis; ŝi apenaŭ ne ekploris. Veninte en sian ĉambron, ŝi ĵetis sin sur la seĝon kaj verŝis varmegajn larmojn. Ŝia knabino konsilis al ŝi, ke ŝi trankviliĝu kaj kuraĝiĝu. Ĉio estis preta.Post duonhoro Manjo devis por ĉiam forlasi la domon gepatran, sian ĉambron, la trankvilan vivon fraŭlinan. Ekstere estis neĝa blovado; la vento fajfis, la lignaj fenestraj kovriloj tremadis kaj frapadis; ĉio ŝajnis al ŝi kiel timigadoj kaj malfeliĉaj antaŭsignoj.
Baldaŭ en la domo ĉio trankviliĝis kaj ekdormis. Manjo ĉirkaŭkovris sin per ŝalo, metis sur sin varman superveston, prenis en la manon sian kesteton kaj eliris sur la postan verandon. La servantino portis post ŝi du kuneligaĵojn. Ili eliris en la ĝardenon. La neĝa blovado ne trankviliĝis, la vento blovis kontraŭen, kiel penante haltigi la junan krimulinon.
Fine ili alvenis al la fino de l' ĝardeno. Sur la vojo glitveturilo ilin atendis. La ĉevaloj, trafrostitaj, ne volis stari trankvile sur la loko, la veturigisto de Vladimiro promenadis antaŭ la glitveturila turnilo moderigante ilian fajrecon. Li helpis la sinjorinon kaj ŝian servantinon sidiĝi kaj kuŝigi la kuneligaĵojn kaj la kesteton, prenis la kondukilojn en la manojn kaj la ĉevaloj fluge ekkuris.

Transdonante la fraŭlinon al la zorgado de l' sorto kaj al la arto de Tereŝka, la veturigisto, ni turniĝos al nia juna amanto. La tutan tagon Vladimiro estis en veturado. Matene li estis ĉe l' Ĵadrina pastro; kun malfacilo ili venis al konsento. Poste li veturis serĉi atestantojn por la edziĝo inter la najbaraj vilaĝestroj. La unua, al kiu li venis, la eksa



kvardekjara standardestro Dravin', konsentis kun plezuro. Tiu ĉi afero, li diris, rememorigis al li la pasintajn tempojn kaj la husarajn ŝercetojn. Li invitis Vladimiron resti ĉe li por tagmanĝi kaj certigis lin, ke trovi la du aliajn atestantojn, ne estos malfacile. Efektive tuj post la tagmanĝo venis la geometriisto Ŝmidt' kun lipharoj kaj pikradetoj ĉe la botoj, kaj la filo de kapitano de l' ĵandarmaro, knabeto deksesjara, kiu antaŭ kelka tempo aliĝis al la ulanoj. Ili ne sole alprenis la proponon de Vladimiro, sed ankaŭ ĵuris la pretecon oferi por li la vivon. Vladimiro ĉirkaŭprenis ilin kun neesprimebla ĝojo kaj forveturis la domon por sin prepari.
Jam longe mallumiĝadis. Li elsendis sian fidelan Tereŝka'n en Nenaradovon kun sia trio da ĉevaloj kaj kun detala, vasta ordono; por si li ordonis prepari malgrandan glitveturilon unuĉevalan, kaj tute sola, sen veturigisto, li forveturis Ĵadrinon, kien post du horoj devis ankaŭ alveni Mario Gavrilovno. La vojon li konis, kaj la tuta veturo devis daŭri nur dudek minutojn.
Sed apenaŭ Vladimiro estis elveturinta en la kampon, eklevis sin vento kaj fariĝis tia neĝa blovado, ke li nenion vidis. En unu minuto la vojo estis kovrita de neĝo, la ĉirkaŭaĵo perdiĝis en la nebulo malklara kaj flaveta, tra kiu flugadis blankaj flokoj de l' neĝo; la ĉielo kuniĝis kun la tero; Vladimiro ekvidis sin sur la kampo kaj vane li volis denove eltrovi la vojon; la ĉevalo paŝis rekte antaŭen kaj ĉiuminute jen ĝi veturadis sur neĝan amason, jen faladis en kavon; la glitveturilo ĉiuminute sin renversadis.
Vladimiro nur penis ne perdi la veran direkton. Sed ŝajnis al li, ke jam pasis pli ol duonhoro kaj li ankoraŭ ne alveturis al la Ĵadrina arbetaro. Pasis ankoraŭ ĉirkaŭ dek minutoj, la arbetaro ĉiam ankoraŭ ne estis videbla. Vladimiro estis veturanta tra kampo tranĉita per profundaj kavoj. La neĝa blovado ne trankviliĝadis, la ĉielo ne ellumiĝadis. La ĉevalo komencis laciĝi kaj de li la ŝvito faladis kiel hajleroj, malgraŭ ke li ĉiuminute estis ĝis la duono en la neĝo.
Fine li ekvidis, ke li veturis en malvera direkto. Vladimiro haltis; li komencis pripensadi, prezentadi al si kaj certiĝis, ke li devis preni la vojon dekstren. Li ekveturis dekstren. Lia ĉevalo apenaŭ paŝadis. Jam pli ol unu horon li estis en vojo. Ĵadrino devis esti proksima. Sed li veturis, veturis, kaj la kampo ne havis finon. Ĉie neĝaj amasoj kaj kavoj; ĉiuminute la glitveturilo sin renversadis, ĉiuminute li ĝin levadis. La tempo pasadis, Vladimiro komencis forte maltrankviliĝi. Fine en flanko sin montris io nigra. Vladimiro tien sin turnis. Proksimiĝante li ekvidis arbareton. Glor' al Dio, li ekpensis, nun ĝi estas proksima. Li veturis al la arbaro, esperante baldaŭ trovi la konatan vojon aŭ ĉirkaŭveturi la arbetaron: Ĵadrino estis tuj post ĝi. Baldaŭ li trovis la vojon kaj enveturis en la mallumon de l' arboj, nudiĝitaj de la vintro. La vento ne povis tie koleregi; la vojo estis glata; la ĉevalo reprenis la kuraĝon kaj Vladimiro trankviliĝis.
Sed li veturis kaj Ĵadrino ne estis videbla; la arbetaro ne havis finon. Vladimiro kun teruro ekvidis, ke li estis enveturinta en nekonatan arbaron. Malespero lin prenis. Li ekbatis la ĉevalon; la bedaŭrinda besto ekiris kure, sed baldaŭ ĝi komencis iri paŝe, malgraŭ ĉiuj penoj de la malfeliĉa Vladimiro.
Baldaŭ la arboj komencis maldensiĝi kaj Vladimiro elveturis el la

arbaro; Ĵadrino ne estis videbla. Estis ĉirkaŭ la noktomezo. La larmoj ekfluis el liaj okuloj; nun li veturis rekte antaŭen. La vetero trankviliĝis; la nuboj disiradis; antaŭ li kuŝis ebenaĵo, kovrita de blanka ondforma tapiŝo. La nokto estis sufiĉe luma. Li ekvidis nemalproksime vilaĝeton, kunmetitan el kvar aŭ kvin kortoj. Vladimiro veturis tien. Ĉe l' unua dometo li elsaltis el la glitveturilo, alkuris al la fenestro kaj komencis frapadi. Post kelkaj minutoj la ligna fenestra kovrilo sin levis kaj ia maljunulo elmetis sian grizan barbon.
Kion vi bezonas? — Ĵadrino estas malproksima? — Ĉu Ĵadrino estas malproksima? — Jes, jes ĉu ĝi estas malproksima? — Proksimeta, estos ĉirkaŭ deko da verstoj." Ĉe tiu ĉi respondo Vladimiro ekkaptis la kapon kaj restis senmova kiel homo juĝita al la morto.
„El kie vi estas?" daŭrigis la maljunulo. — Vladimiro ne havis la kuraĝon respondi je demandoj. — „Ĉu vi povas, maljunulo", li diris, „preni por mi ĉevalojn ĝis Ĵadrino?" „Ni ne havas ĉevalojn!" respondis la vilaĝano. „Ĉu mi ne povas ricevi almenaŭ kondukanton? mi pagos kiom al li plaĉos." „Atendu", diris la maljunulo, fermante la fenestran kovrilon, „mi elsendos al vi la filon; li vin kondukos". Vladimiro atendis, sed apenaŭ pasis unu minuto, li ree komencis frapi. La fenestra kovrilo sin levis, la barbulo sin montris. „Kion vi bezonas?" „Kie estas via filo?" „Li tuj eliros, li prenas la botojn. Sed vi malvarmiĝis? Eniru varmiĝi!" „Mi dankas, elsendu pli rapide la filon."
La pordego akre eksonis, la knabego eliris kun bastonego kaj iris antaŭen, jen montrante, jen elserĉante la vojon, kovritan de neĝaj amasoj.
„Kioma horo?" demandis lin Vladimiro. „Jam baldaŭ lumiĝos", diris la juna vilaĝano. Vladimiro ne parolis jam pli eĉ unu vorton.
La kokoj kantis kaj estis jam luma tago, kiam ili alvenis Ĵadrinon. La preĝejo estis fermita. Vladimiro pagis la kondukanton kaj enveturis en la korton, al la pastro. Lia trio da ĉevaloj jam tie ne estis. Kia sciigo lin atendis!

Sed ni returniĝos al la bonaj Nenaradovaj vilaĝistoj kaj ni rigardos, kio ĉe ili fariĝas. Ha, nenio!
La maljunuloj vekiĝis kaj eniris en la gastĉambron, Gavrilo Gavriloviĉ' en nokta ĉapo kaj mallonga varma surtuto, Praskovja' Petrovna en vata noktsurtuto. Oni enportis la temaŝinon kaj Gavrilo Gavriloviĉ' sendis la knabinon por sciiĝi de Mario Gavrilovna, kia estas ŝia sano kaj kiel ŝi elripozis. La knabino revenis, sciigante, ke la fraŭlino ripozis malbone, sed ke nun ŝi fartas pli bone kaj ke ŝi tuj venos en la gastĉambron. — Efektive, la pordo sin malfermis kaj Mario Gavrilovna eniris por saluti la patreton kaj la patrineton.
„Kion faras via kapo, Manjo?" demandis Gavrilo Gavriloviĉ'.
„Pli bone, patreto", respondis Manjo.
„Vi kredeble, Manjo, ricevis hieraŭ kapdoloron de forna haladzo", diris Praskovja' Petrovna.
„Povas esti, patrineto", respondis Manjo.
La tago pasis feliĉe, sed en la nokto Manjo malsaniĝis. Oni sendis en la urbon al la kuracisto. Li alvenis vespere kaj trovis la malsanan en deliro. Aliĝis forta febro, kaj la bedaŭrinda malsanulino du semajnojn sin trovadis sur la bordo de l' tombo.



Neniu en la domo sciis ion pri la intencita forkuro. La leteroj skribitaj de ŝi estis jam bruligitaj; ŝia servantino nenion al iu parolis, timante la koleron de la gesinjoroj. La pastro, la eksa standardestro, la liphara geometriisto kaj la aminda ulano estis diskretaj, kaj nesenkaŭze. Tereŝka' la veturigisto neniam ion nebezonan eldiris eĉ en malsobra estado. Tial la sekreto estis kaŝata de pli ol duona dekduo da kunsciantoj.
Sed Mario Gavrilovna mem, en senĉesa deliro, elrakontis sian sekreton. Tamen ŝiaj vortoj estis tiel mirindaj kaj neligeblaj kun io, ke la patrino — ne foriranta de ŝia lito — povis kompreni el ili nur tion, ke ŝia filino estis morte amanta Vladimiron Nikolajeviĉon, kaj ke kredeble la amo estis la kaŭzo de ŝia malsano. Ŝi konsiliĝis kun sia edzo, kun kelkaj najbaroj, kaj fine unuvoĉe ĉiuj decidis, ke videble tia estis la sorto de Mario Gavrilovna, ke la difiniton de l' sorto ni per ĉevalo ne forkuros, ke la malriĉeco ne estas krimo, ke oni ne vivas kun riĉeco sed kun la homo kaj cetere. Similaj popoldiroj estas mirinde utilaj en tiuj ĉi okazoj, kiam ni mem nur tre malmultan povas elpensi por nia pravigo.
Dume la fraŭlino komencis saniĝi. Vladimiro jam longe ne montris sin en la domo de Gavrilo Gavriloviĉ'. Li estis ja senkuraĝigita per la kutima ricevo. Oni decidis sendi al li kaj sciigi lin pri la neesperita feliĉo, la permeso je l' edziĝo. Sed kia estis la miriĝo de la Nenaradovaj vilaĝistoj, kiam kiel respondon al ilia invito ili ricevis de li duone malprudentan leteron! Li sciigis ilin, ke lia piedo neniam estos en ilia domo, kaj li petis, ke ili forgesu la malfeliĉulon, por kiu la morto restas la sola espero. Post kelkaj tagoj ili sciiĝis, ke Vladimiro forveturis en la militistaron. Tio ĉi estas en la 1812a j.
Longe ili ne havis kuraĝon paroli pri tio al la saniĝanta Mario. Ŝi neniam rememorigis Vladimiron. Kelkajn monatojn jam poste, trovinte lian nomon en la nombro de la honore distingiĝintaj kaj grave vunditaj ĉe Borodino, ŝi falis sensente kaj oni timis, ke ŝia febro ne revenu. Sed tamen, glor' al Dio, la sensento ne havis postsignojn.
Dua ĉagreno ŝin renkontis. Gavrilo Gavriloviĉ' mortis, restigante ŝin heredantino de la tuta havo. Sed la heredo ŝin ne konsolis; ŝi kore dividis la malĝojon de la malfeliĉa Praskovja' Petrovna kaj ĵuris neniam apartiĝi de ŝi; ili du forlasis Nenaradovon, la lokon de la malĝojaj rememoroj, kaj forveturis por vivi en vilaĝo.
Fraŭloj ĉirkaŭadis ankaŭ tie ĉi la amindan kaj riĉan fraŭlinon; sed ŝi donis al neniu eĉ la plej malgrandan esperon. La patrino iam konsilis al ŝi ke ŝi elektu edzon! Mario Gavrilovna balancadis la kapon kaj fariĝis pensema. Vladimiro jam ne vivis: li mortis en Moskvo, tagon antaŭ la eniro de la Francoj. Lia memoro ŝajnis sankta por Manjo; almenaŭ ŝi konservis ĉion, kio lin povis rememorigi: la librojn, de li iam legitajn, liajn pentrojn, notojn kaj versojn, kiujn li por ŝi transskribis. La najbaroj, sciiĝinte pri ĉio, miris ŝian konstantecon kaj kun sciemo atendis la heroon venkontan fine la fidelecon de tiu ĉi fraŭlino Artemizo.

Dume la milito estis finita kun gloro. Niaj regimentoj revenadis el la alilando. La popolo iris al ili kontraŭen.
La muziko ludis muzikajn kantojn: Vive Henri Quatre, tirolajn valsojn

kaj ariojn el Ĵokondo. La oficiroj, kiuj eliris en la militon preskaŭ infanoj, revenis, viriĝintaj de milita aero kaj ĉirkaŭpenditaj per krucoj. La soldatoj ĝoje paroladis inter si, enmiksante ĉiuminute en la lingvon germanajn kaj francajn vortojn. Tempo ne forgesebla! Tempo de l' gloro kaj de l' ĝojo! Kiel forte frapis la rusa koro ĉe l' vorto „patrujo"! Kiel dolĉaj estis la larmoj de l' revido! Kun kia unuanimeco ni unuiĝis la sentojn de la popola fiereco kaj de l' amo je l' regnestro! Kaj por li, kia estis tiu ĉi minuto!
La virinoj, la rusaj virinoj, estis tiam sensimilaj. Ilia kutima malvarmeco perdiĝis. Ilia ĝojo estis efektive malsobriganta, kiam renkontante la venkintojn ili kriadis: hura! Kaj en la aeron ili ĵetadis la ĉapetojn.
Kiu el la tiamaj oficiroj ne konfesos, ke al la rusa virino li ŝuldis la plej bonan kaj la plej multekostan rekompencon?....
En tiu ĉi brilanta tempo Mario Gavrilovna vivis kun la patrino en la gubernio, kaj ne vidis kiel la du ĉefurboj festis la revenon de la soldataroj. Sed en la rondurboj kaj la vilaĝoj la komuna ĝojo estis eble ankoraŭ pli forta. La ricevo de oficiro en tiuj ĉi lokoj estis por li efektiva triumfo kaj al la amanto en frako estis ne plezure en lia najbareco.
Ni jam diris, ke malgraŭ sia malvarmeco Mario Gavrilovna kiel antaŭe estis ĉirkaŭata de fraŭloj. Sed ĉiuj devis fariĝi kiam ekmontris sin en ŝia palaco la vundita husara regimentestro Burmin', kun la Georgio en la buton-trueto kaj „kun interesanta paleco" kiel paroladis la tiamaj sinjoridinoj. Li havis ĉirkaŭ dudek ses jarojn. Li alveturis forpermese en siajn vilaĝojn, kiuj sin trovis en la najbaraĵo de la vilaĝo de Mario Gavrilovna.
Mario Gavrilovna lin distingis. Apud li ŝia kutima pensemeco viviĝadis. Oni ne povus diri, ke ŝi lin koketis; sed la poeto, vidinte ŝian teniĝon, certe dirus: „Se amor non è, ch' è dunque?"....
Burmin' estis efektive multe aminda juna homo. Li havis tiun ĉi talenton, kiu plaĉas al la virinoj: la talenton de ĝentila senpena rigardemo kaj de modesta sprito. Lia renkontado kun Mario Gavrilovna estis rekta kaj libera; sed kion ajn ŝi dirus aŭ farus, lia animo kaj liaj rigardoj ĉiam ŝin akompanadis. Li ŝajnis de karaktero trankvila kaj modesta, sed la famo rakontis, ke antaŭe li estis terura sovaĝulo, kaj tio ĉi ne malutilis al li en la opinio de Mario Gavrilovna, kiu (kiel ankaŭ ĉiuj junaj sinjorinoj senescepte) kun plezuro senkulpigis la malprudentaĵojn montrantajn kuraĝon kaj fajrecon de l' karaktero. Sed pli ol ĉio.... (pli ol lia karesemo, pli ol la interesanta paleco, pli ol la bandaĝita mano) la silentado de la juna husaro vekadis ŝian sciemon kaj fantazion.
Ŝi ne povis ne konscii tion, ke ŝi multe al li plaĉis; kredeble ankaŭ li kun sia sprito kaj koneco de la homoj povis jam ekvidi, ke ŝi lin elektis: kial ĝis nun ŝi ne vidis lin apud siaj piedoj kaj ne aŭdis lian konfeson? kio lin retenadis? la, timemo, neapartigebla de l' efektiva amo, la fiereco aŭ la koketado de lerta amisto? Tio ĉi estis por ŝi enigmo. Pensinte bone, ŝi decidis, ke la timemo estis sole la kaŭzo, kaj intencis kuraĝigi lin per pli granda atenteco kaj laŭ la okazoj ankaŭ per karesado. Ŝi preparadis la plej neesperatan disligon kaj malatendeme atendis la minuton de la romana klariĝo. La sekreto, kia ajn ĝi estus,



ĉiam premas la virinan koron. Ŝiaj militaj operacioj havis la deziritan finon: almenaŭ Burmin' fariĝis tiel pensema kaj liaj nigraj okuloj kun tia fajro haltadis sur Mario Gavrilovna, ke la decidanta minuto ŝajnis jam proksima. La najbaroj paroladis pri la edziĝo kiel pri fakto jam finita, kaj la bona Praskovja' Petrovna ĝojadis, ke ŝia filino fine trovis por si indan fianĉon.
La maljunulino sidis unu fojon sola en la gastĉambro, diskuŝigante kartojn (la grande patience) kiam Burmin' eniris en la ĉambron kaj tuj demandis pri Mario Gavrilovna. „Ŝi estas en la ĝardeno" respondis la maljunulino; „iru al ŝi, kaj mi vin tie ĉi atendos". Burmin' foriris, kaj la maljunulino faris la signon de l' kruco kaj ekpensis: „nun eble la afero hodiaŭ finiĝos!"
Burmin' trovis Marion Gavrilovna'n apud la lageto, kun libro en la manoj en blanka vesto, kiel efektiva heroino de l' romano. Post la unuaj demandoj Maria Gavrilovna intence ĉesis subteni la interparolon, fortigante tiel la duflankan senkonsilecon, de kiu oni povis liberiĝi nur per subita kaj decida klarigo. Tiel ankaŭ fariĝis. Burmin', sentante la malfacilecon de sia pozicio diris, ke li serĉis jam longe la okazon por malkovri al ŝi sian koron, kaj postulis minuton da atento. Mario Gavrilovna fermis la libron kaj mallevis la okulojn por signo de l' konsento.
„Mi vin amas", diris Burmin', „mi vin amas pasie.... (Mario Gavrilovna ruĝiĝis kaj mallevis la kapon ankoraŭ pli multe). Mi faris sengardeme, donante min al la aminda kutimo, al la kutimo vidi kaj aŭdi vin ĉiutage...." (Mario Gavrilovna rememoris la unuan leteron de St. Preux.)
„Nun estas jam tro malfrue batali kun mia sorto; la rememoro je vi, via aminda sensimila imago, de nun estos la turmento kaj la konsolo de mia vivo; sed al mi ankoraŭ restas plenumi la malfacilan devon, malkovri al vi la teruran sekreton kaj meti inter ni netrapaŝeblan barilon....
„Ĝi ĉiam ekzistis", interrompis kun viveco Mario Gavrilovna, „mi neniam povis esti via edzino...."
„Mi scias", respondis li trankvile, „mi scias ke iam vi amis, sed la morto kaj tri jaroj da plorado.... Bona, kara Mario Gavrilovna! ne penu forpreni de mi la lastan konsolon: la penson, ke vi konsentus faris mian feliĉon, se...."
„Silentu, pro Dio, silentu; vi min turmentas."
„Jes, mi scias, mi sentas, ke vi estus mia, sed.... mi plej malfeliĉa kreitaĵo.... mi estas edzigita!"
Mario Gavrilovna elrigardis lin kun miriĝo. „Mi estas edzigita", daŭrigis Burmin'; „mi estas edzigita jam la kvaran jaron, kaj mi ne scias, kiu estas mia edzino, kaj kie ŝi estas, kaj ĉu mi devas ŝin iam revidi!"
„Kion vi parolas?" ekkriis Mario Gavrilovna; „kiel ĝi estas mirinda! Daŭrigu! mi rakontos poste.... sed daŭrigu, estu tiel bona!"
„Je la komenco de l' 1812a jaro", diris Burmin', „mi rapidis Vilnon, kie troviĝis nia regimento. Alveninte unu fojon sur ian poŝtan stacion malfrue en la vespero, mi ordonis kiel eble plej rapide almeti la ĉevalojn kiam subite levis sin terura neĝa blovado; la poŝta inspektoro kiel ankaŭ la postiliono konsilis al mi, ke mi atendu. Mi ilin obeis; sed ia nekomprenebla maltrankvilo min ekreĝis; ŝajnis, ke iu min

puŝadis. Dume la neĝa blovado ne trankviliĝadis; mi ne povis min teni, mi ordonis ree almeti la ĉevalojn kaj forveturis, malgraŭ la ventego. Al la postiliono ŝajnis pli bone veturi trans la rivero, kio devis plimallongigi nian vojon per tri verstoj. La bordoj estis kovritaj de neĝo, la postiliono transveturis flanke de la loko, kie ni devis elveturi sur la vojon, kaj tial ni nin ektrovis en nekonata loko. La blovego ne ĉesadis; mi ekvidis lumeton kaj ordonis veturi tien. Ni alveturis en vilaĝon; en la ligna preĝejo estis lumo.
„La preĝejo estis malfermita; post la barilo staris kelkaj glitveturiloj, en la vestiblo iradis homoj. „Tien ĉi! Tien ĉi!" ekkriis kelkaj voĉoj. Mi igis la postilionon antaŭveturi. „Sed premesu, kie vi estis tiel longe!" diris al mi iu; „la fianĉino sin trovas en sensenta estado; la pastro ne scias, kion fari; ni jam estis pretaj veturi reen. Eliru pli rapide!" Silentante mi elsaltis el la glitveturilo kaj eniris en la preĝejon, malforte lumigatan per du aŭ tri kandeloj. Knabino sidis sur benko en malluma angulo de la preĝejo; alia frotis ŝiajn tempiojn. „Glor' al Dio", ŝi diris: „fine vi alveturis! Vi preskaŭ mortigis la fraŭlinon!"
„Maljuna pastro proksimiĝis al mi kun la demando: „Ĉu vi ordonas komenci?" „Komencu, komencu, patreto", mi respondis senpense. Oni levis la knabinon. Ŝi al mi ŝajnis ne malbela.... Nekomprenebla, nepardonebla knabeco.... mi staris apud ŝi antaŭ la altaro; la pastro rapidis; tri viroj kaj la servantino subtenadis la fianĉinon kaj estis okupataj nur per ŝi.
„Oni nin edzigis. „Kisu vin", oni diris. Mia edzino turnis al mi sian palan vizaĝeton. Mi volis ŝin kisi.... Ŝi ekkriis: „Ho ne estas li!" kaj falis sen sentoj. La atestantoj direktis sur min la terurigitajn okulojn. Mi turniĝis, eliris el la preĝejo sen ia malhelpo, ĵetis min en la glitveturilon kaj ekkriis: „For! Antaŭen!" "
„Dio mia!" ekkriis Mario Gavrilovna, „kaj vi ne scias kio fariĝis kun via bedaŭrinda edzino?"
„Mi ne scias", respondis Burmin', „mi ne scias, kiel oni nomas la vilaĝon, kie mi edziĝis; mi ne memoras, el kia stacio mi veturis. En tiu ĉi tempo mi tiel malmulte scietis la gravecon en mia krima ŝerco, ke, forveturinte de la preĝejo mi ekdormis, kaj revekiĝis la duan tagon frue, jam sur la tria stacio. La servanto, kiu estis tiam kun mi, mortis en la milito, tiel ke mi ne havas eĉ la esperon trovi tiun ĉi, kun kiu mi ŝercis tiel terure, kaj kiu estas nun tiel terure venĝita."
„Dio mia, Dio mia!" diris Mario Gavrilovna, kaptinte lian manon: „Tio estis vi? kaj vi min ne rekonas?"
Burmin' ekpaliĝis.... kaj ĵetis sin al ŝiaj piedoj....



# LIBERA POPOLO SUR LIBERA TERO

El „Cezaro" de Marko Jelušić, tradukita de Ivo Rotkviĉ[1]).

Al la rigardoj de l' rajdantoj etendiĝas ebeno, sunkisata en sia tuta fruktoriĉa beleco. Freŝige blovetas facila venteto. Okulatinge nur fruktmaturaj kampoj, kaj kelkloke, tie kaj tie ĉi blankas aŭ arde flavas muroj de l' vilaĝoj kaj bienetoj. Fagoj disŝovas kvazaŭ benogeste siajn ombrodonajn branĉojn. La aleo, laŭ kiu galopas rajdanto, similas per siaj murosujoj al ombra, verde tegmentita koridoro. Ĉerande fluas rivereto murmurante sian eternan monologon. En la aero ĝojtriloj de birdoj. Susurete zumas diligentaj abeloj svarme pendantaj sur floroj. La tuta pejzaĝo elspiras trankvilon, silenton kaj harmonion.
Rajdante tra Transpadio la junulo trinkas per ĉiuj sentorganoj la originan forton kaj purecon de tiu ĉi lando. Li kunirigis nur du servistojn, kiuj lin akompanas ankaŭ ensele kaj bridtenas po unu ŝarĝĉevalo. La ceterajn akompanantojn li forsendis antaŭen, ordoninte al ili atendi en Mediolano. Kaj nun li estas libera, senŝarĝa kiel li jam delonge ne estis. Tutanime li povas nun ĝui la ĉirkaŭaĵon.
Laŭ la ŝoseo venas al li renkonte vilaĝano aŭ servisto. Li urs-paŝas apud la du-rada bovoveturileto kaj kantas ian melodion. La rajdanto lin haltigas.
„Ĉu vi parolas latine?"
La homo, vide al nobela vojaĝanto, haltas kaj interrompas la kantadon. Elmontrante belegajn dentojn, ŝajne eĉ neĝblankajn, ĉar lia vizaĝo estas sunbruna, li vigle respondas:
„Mi, latine, ho sinjoro! Mi tre bone latine!"
Tiu „tre bona latinaĵo" elsaltetas tiom malmole kaj malglate, ke la rajdanto devas ekridi. Tio igas ankaŭ la vilaĝanon ĝojeksplodi: li skuiĝas, frapklakas la nudajn, brunajn koksojn, fleksante sin preskaŭ ĝistere. Fine ankaŭ la servistoj ne povas konservi sian pompan dignon: konkorde ili aliĝas. Kaj tiu kvarvoĉa ridado sonoras tiom laŭte kaj forte tra la tuta ĉirkaŭaĵo, ke la abeloj kaj birdoj ekmutiĝas kvazaŭ por kaŝaŭskulti. Fine ĉiuj kvar rekvietiĝas. La rajdanto plu demandas:
„Ĉu vi konas Kaburon?"
La vilaĝano pripensas, kun fingro nazpinte, kapskuas kaj diras naive:
„Ne, sinjoro, mi ne koni nenio romano."
„Sed Kaburo ja ne estas romano", rediras akcentante la alia. „Kaburo estas hejmano, transpadiano."
„Hej!" la vilaĝano denove ekrikanas fandiĝante en ĝojon: „Ne romano! Kial vi ne diri tio tuj? Nu, koni kompreneble lin! Kiel ja li nomiĝas?"
„Kaburo, hej aŭdu! Kajo Valerio Kaburo!"
„Kaburo!" krias la vilaĝano, „Kaburo! Ho, li tre eminenta homo! Tre — tre —" Li serĉas ian flatan epiteton, sed ne povante rememori, li ripetas la ĵus diritan: „Jes, eminenta homo".
„Nu jen! Kaj ĉu vi scias ankaŭ, kie estas lia bieno?"
Kiel ĉiuj demandoj, tiel ankaŭ tiu ĉi naskas en la vilaĝano senliman

[1]) Eldonis „Literatura Mondo", Budapest, 1934a.

ĝajecon. Li ĉirkaŭsaltas, ridĝarĝaras, ĝratas sian nazpinton kaj orelkonkon. Kiam la rajdanto komencas malpacienci, li elbuŝiĝas:
„Vi min demandi, kie esti lia bieno? Hej, hej! Tre bone! Vi ja ĝuste rajdi direkte al la bieno! Vi vidi blankan domon — nu tie?" li montras al kelko da domoj en kvaronhora distanco. „Tie Kaburo! Tie!" Li balancas, klinas la kapon kaj longe ridante montras al la rajdanto la direkton. Tiu ĉi afable lin dankinte jam forrajdas.
La ŝoseo estas ombra kaj senpolva. Birdoj kaj insektoj daŭrigas la interrompitan kanton. La ĉevaloj jam flarkaptis, ke estas proksime stalo kaj galopegas. Baldaŭ kaj plej agrable pasas tiel la kvaronhora vojo. Jam ekblankas muroj. Al ili ĝvidas flankvojeto, disiĝante de la ŝoseo. La rajdanto ekvojas tiudirekten: li jam enrajdas en la malfermitan korton kaj haltigas la ĉevalon.
Bojeĝe elfuriozas hundo el sia dometo, rompstreĉante la pintan ĉenon. De la putorando saltas granda, blanka kato, kiu tie sunĝuis. Kokinoj dispafiĝas en kapturna timo, grupeto da anasoj indigne leviĝas, dum kelke da anseroj flugilante ekinsultas.
En la malalta enirpordo de la maldekstra domo aperas maljuneta virino.
Manŝirme super la okuloj ŝi observas la alveninton. Nun ŝi alpaŝas pli proksimen kaj demandas lin pri la deziroj en sufiĉe bona, nur iom malglata latinaĵo. Li respondas, ke li volus paroli kun la dommastro.
„Eh, la dommastro", rediras la virino. „Ĉu la fremda sinjoro eble havas tempon por atendi lian revenon?" Li diras, ke li havas kaj saltas de sur la ĉevalo. Same ankaŭ la servistoj.
Vokite de la virino aperas juna knabino kun kiu ŝi mallaŭte interparolas. Tiam denove ŝi turniĝas al la fremdulo, petante lin eniri kun ŝi en la domon. Ŝia filino montras al la servistoj la stalon, kie ili povos loki la ĉevalojn.
La gasto ne povas satmiri pri la sintenado kaj digno de tiu virino, kiu paŝas antaŭ li, same kiel ankaŭ ne pri la senĝena, neafekta digno de ŝia tuta estaĵo. Li pensas pri la edzinoj de l' bienuloj tie — fore — ĉe l' sudo. Tio estas estaĵoj, tro frue maljuniĝintaj sub laborego, kun zorgaj vizaĝoj, kurbaj dorsoj; virinoj arogantaj, avidaj kaj mensogemaj. Kaj jen, ĉi tiu rememorigas al li iun el la mitaj praavinoj de la glorgento, kiam ŝi afable kaj kore, sed tamen kun neeldirebla digno, proponas al li lokon ĉe l' fajrujo, ja, ĉe sia fajrujo.
Kelkatempe ambaŭ silentas: foje-foje li sorbŝmacas gluton el la forta, akvumita hejmovino, kiun en argila kruĉo ŝi metis antaŭ lin. Poste li rompmordas peceton el la kruda, sama hejmopano kaj manĝas la kremitan fromaĝon. Ŝi sidiĝas sur benketo kaj denove prenas la ŝpinilon, kiun ŝi certe formetis, kiam li venis.
Post kelkaj momentoj ŝi rompas la silenton. Virina scivolemo venkas la dignan sindetenon, kiun ŝi ĝis nun praktikis, jam ŝi demandas, ĉu de malproksime li venas. — El Hispanio, li respondas. — Nu, kie ĝi estas; pri tiu ĉi lando ŝi ja neniam aŭdis. — Multcent mejlojn direkte al la okcidento, klarigas li; ĉe la montrando, kie oceano banas la bordojn de Eŭropo. Mire ŝi kapbalancas kaj tuj enketas plue, kion li tie faris, se permesate demandi. — Senĝene ŝi demandu, li afablas; nu, komisiite de la ŝtato li restadis tie: kiel *kvestoro*, se ŝi scias, kio ĝi estas. — Kompreneble, ŝi diras, ĝi estas homo, kiu impostas. Kaj



iom timeme ŝi almetas, ke eble li estas ĉi tien sendita por la sama afero. — Ne, li trankviligas ridante. Finiĝis la jaro de lia ofico kaj nun li revenas Romon. Tio ja mirigus ŝin, ŝi respondas, ĉar ili ĉiam akurate pagas la impostojn kun krompagoj kaj neniam donis kaŭzojn por plendoj. Li informiĝas, ĉu ili harmonias kun sia kvestoro. Tre bone, ŝi kapjesas; li estas tre prudenta homo, kiu ne ŝarĝas sur la vilaĝanon pli grandan pagon ol li povas elporti. Ĝenerale al ili estas pli bone, de kiam ili havas la latinan civitanecon, kiel la sinjoro certe scias. Ĝi estas rekompenco pro ilia kuraĝo en la milito de la 64 jaro. Ankaŭ ŝia edzo partoprenis, ŝi fieras aldone. La latina civitaneco estas nemalmulte grava, ŝi mencias pretere, sed la romia civitaneco estas eĉ multe pli grava. Tion oni povas facile imagi, ŝi konfirmas kun serioza rigardo, kaj la tuta lando ĝin jam sopireĝe atendas. — Krasso diris al mi la veron, li pensas. La romia civitaneco signifas por tiu ĉi lando vere la vivproblemon. Ĝuste li volas pli detale tion priparoli, kiam silueto ekombras la pordon. Li alrigardas tien.
Eniras viro, ŝultrolarĝa, grizethara, vestita per simpla vilaĝana tolkitelo. Brunkoloraj, muskolaj brakoj pendas inerte laŭ la korpo, kiel ĉe laboristo fininta sian taglaboron. Trankvile esploras liaj rigardoj la vizitanton. Same klaraj kaj energiaj ili estas kiel ĉe la fremdulo. Ĝentile li alproksimiĝas.
„Oni diris al mi en la korto, ke alvenis fremda roma sinjoro, dezirante kun mi paroli. Per kio mi servu al vi?"
El liaj vortoj, el lia tuta sintenado elradias tiu sama senĝena, neafekta komplezemo, kiun la gasto rimarkis ankaŭ ĉe la edzino; sincera, amika afableco, sen eĉ la plej malgranda signo de flatemo aŭ hipokrita humilo.
Le fremdulo resalutas ĝentile laŭ la sama maniero:
„Antaŭ ĉio, ke vi akceptu min por tranokti", li respondas, „se mi ne tro ĝenos vin".
La dommastro rapide ekrigardas la edzinon.
„Jam ĉio preparita", ŝi respondas la mutan demandon.
Trankvilaj, energiaj okuloj denove rigardas la gaston.
„Nia hejmo estu via hejmo."
Kiam ili residiĝas ĉirkaŭ la fajrujo — ankaŭ la dommastro alprenas seĝon kaj komencas kun la edzino interparolon pri la hejmaĵoj — la fremdulo kaŝrigarde observas la homojn kaj la objektojn. Pli kaj pli lin kaptas la sento, ke li vojeraris en la pasintan jarcenton, en la epokon, kiam la homoj estis pli primitivaj, pli modestaj — ankaŭ pli grandaj. En tia ĉambro verŝajne ankaŭ Cincinato ripozis post la kamplaboro, riprozigante la rigardon, observante simple la blankajn murojn, sur kiuj nur kelkloke briletis atente puriĝitaj teleroj. Li atendis la meritatan, senspican, sed nutran manĝaĵon. Tiam ankoraŭ vivis la homoj, kiuj per sia sana forto vastiĝis kaj potenciĝis la respublikon. Certe tiaj estis la viroj kaj virinoj, transformintaj la italan arbarplenan dezerton en ridetantan florĝardenon. Ili, kiuj per sia vivforto kaj patrinsino naskis la genton simplan kaj fortegan kiel la ĝepatroj mem. Sed la granda urbo alportis kun si malfeliĉon, per siaj troaj rafinaĵoj kaj malnecesaj bezonoj, en kiuj pereis ĉiu originaleco, graveco kaj forto.
La dommastro tute ne demandas, kial kaj kun kia intenco li venis. Nur kelkaj ĝentilaj demandoj: kia la forto, ĉu li jam iom manĝis, jen ĉio.

Ĉiu vorto, spirante retenigemon, dignon, estas saturita de sincera gastamo.
Eniras du junuloj, laŭ la staturo kaj sintenado similaj al tiu ĉi pli aĝa. Ilin la vilaĝano prezentas kiel siajn filojn; jen, ankaŭ la knabino, kiun li vidis jam en la korto, kaj fine postsekvas ankaŭ geservistoj. La dommastrino okupiĝas ĉe l' fajrujo helpate de la filino. Poste ĉiuj sidiĝas ĉirkaŭ la kvadrata tablo, farita el puregaj tabuloj, por vespermanĝi: tablofrunte la dommastro, apud li la gasto.
Simpla estas ankaŭ la vespermanĝo — kiel ĉio en tiu ĉi domo: malmole kuiritaj ovoj, nestante sur salato, fazeolita kapridaĵo kaj fromaĝo. Krome la malforta, akvumita vino, alportita sur la tablon en kruĉego, el kiu povas ĉiu laŭplaĉe plenigi sian kruĉeton.
Post la manĝo la dommastro komisias laboron por la sekva tago. Tuj leviĝas for de l' tablo la virino, la filoj kaj geservistoj, dezirante al la dommastro kaj fremdulo bonan nokton. Ili eliras lace, pezpaŝe el la ĉambro. Nur la gasto kaj gastigantoj restas solaj.
Mute rigardas la gasto antaŭ sin, fingrante per elverŝita vino komplikitajn figuraĵojn sur la tablo-tabulo. Li sin demandas, kiel komenci interparolon, pro kiu li ja venis ĉi tien, en tiun sunan, fruktodonan regionon, kiu eĉ ne iomete similas al aliaj ĝis nun viditaj.
Ĉar la gastiganto unua ekparolas, nenecese, ke li plue turmentiĝu:
„Vi min serĉis?"
La gasto okullevas kaj penetre ekrigardas la seriozan, iom severan vizaĝon de l' homo, sur kiun la flamo de l' fajrujo skribas siajn flagrajn, tremetajn rebrilojn.
„Estas al vi konate —?"
„Oni diris al mi." Kaj poste jam pli klare li aldonas: „La vilaĝano, kiu montris al vi la vojon".
„Jes". Nur nun la gasto kapjese konfirmas la unuan demandon. „Mi volis paroli kun vi. Mi devas al vi transdoni salutojn de Krasso."
La griza kapo kliniĝas.
„Mi konas Krasson. Vi estas iu el liaj amikoj?"
„Ni kunlaboras." Li ĉirkaŭrigardas. „Ĉu mi povas transdiri al vi lian komunikon?"
„Parolu ja. Ĉi tie en la vilaĝo neniu kaŝaŭskultas."
Malgraŭ tiu trankviliga deklaro la gasto daŭrigas obtuze:
„Krasso sciigas al vi", li kliniĝas pli proksimen, „ke vi estu pretaj. Nur momenteton plu kaj eksonos la minuto, kiam ni provos fari ion por vi."
Okulpenetre rigardas la maljunulo la junulon.
„He, kiu vi estas?"
La junulo senpacience mansvingas.
„Estis necese tiel komenci: ‚Krasso sciigas al vi, ke vi povas plene konfidi al mi — je mia *mantua* ĵuro'!" La lastajn vortojn li akcentas.
Kaburo malsereniĝas enpense.
„Ŝajne Krasso vin tre fidas", li diras, „ĉar li konfidencis al vi la signalvorton. Do, parolu libere, mi konfidas al vi. Eble Krasso povos fari ion por ni"?
„Krasso plej baldaŭ fariĝos *cenzoro* kaj tiam li libere manipulos ankaŭ la civitanajn listojn. Li igos enskribi en tiujn listojn ĉiujn nomojn, kiujn vi diros al mi."



La maljunulo mirigite alrigardas.
„Vere, multon li promesas."
„Krasso ĉiam plenumis, kion li promesis. („Tion mi scias" elmurmuras Kaburo). La plena civitaneco, kiun vi tiom longe vane priaspiris, estas jam al vi certigita. Mi ne volas perdi tempon per vanaj vortoj: kion tiu paŝo signifus, vi scias same bone, kiel mi. Sed ni esperas, ke ankaŭ vi rekompencos nian penon per la plenumon de niaj kondiĉoj."
„Kondiĉoj?" La frunto de la maljunulo nubiĝas.
„Nu ne tiaj, ke vi ne povus ilin akcepti. Ni ne tentas vin ekribeli aŭ revolucii. Sed ni devas vole-nevole vin vortligi, ke vi al la popolpartio — kaj antaŭ ĉio al Krasso kaj mi — konservos la fidelecon."
La frunto de Kaburo ankoraŭ ne sereniĝas.
„Nu, kial pri tio perdi la vortojn?" li demandas. „Pri tiu ĉi kondiĉo ni jam delonge konsentis. Se ne estas io alia...."
„Tiu ĉi kondiĉo validis nur por la popolpartio", interrompas la gasto. „Sed Krasso kaj mi — havas precipan intereson pri via persona sindevigo al ni."
La maljunulo rigardas lin malkonfide, sed diras nenion. La gasto daŭrigas: „La popolpartio kaj ni — estas nun la samo. Sed estas demando, ĉu tiel restos. En Romo ĉio ekbolis. Povis okazi — mi diras „povas"! — ŝanĝiĝo. Ne hodiaŭ, ankaŭ morgaŭ ne, eble post dek-dekkvin jaroj. Ni ambaŭ projektas reformojn, kiujn la urbegaj voĉdonantoj ne prikonsentos, lasante nin en amaso da embaraso. Por tiu okazo necesas, ke ni povu apogi nin al niaj amikoj el la valo."
La maljunulo ankoraŭ ĉiam silentas, ŝajne li pricerbumas, kion li ĵus aŭdis. Nun li demandas, kiel ĵus antaŭe, sindetene, malkonfide:
„Vi diris: reformoj. Kion vi pensas per tio?"
Denove senpacienca mansvingo.
„Ho Kaburo, ankoraŭ ĉiam vi opinias min konspirulo. Mi certigas vin, ke mi eĉ ideon ne havas por nur unupaŝe devojiĝi for de la leĝo. Refoje mi diras al vi, ke por mi gravas nur: havi anstataŭ la urbega proletaro, kiun mi taksas tute malalte, dorsapogon en tiu ĉi regiono, kiu al mi tre valoras. Ni plivastigu la kondiĉon: vi devligos vin esti al ni blinde fidelaj, ĝis ni postulos ion, kio kontraŭas la leĝon."
Kiel antaŭ momento, la maljunulo ankaŭ nun vort-vorte pripensas ĉion. Poste li singardemas:
„He, pri tio oni povus paroli." Refoje li pripensas kaj decide kapjesas. „Tion neniu povas rifuzi. — Kiom da tempo vi disponas?"
„Unu semajnon."
„Sufiĉas. Mi kunvokos la konfidatojn de niaj liganoj kaj vi povos ĉion diri al ili. Espereble, ili samopinios kun mi." Li profunde ekspiras. „Eble vin mirigas tia misteremo. Ankaŭ nin ĝi jam tedegas. Ni volus esti romianoj. Sed, se ni volus atendi, ĝis nin rememoros la grandsinjoroj tie ĉe vi, ĉiuj ni dume maljunule griziĝus. Kaj tial ni interligiĝis por kune elbatali niajn postulojn. Sed ne kontraŭ la leĝo: ĝi restas nia ĉefprincipo. Krome ankaŭ en la kunveno ĉe Mantua oni nenion alian decidis. Ni spitis ĉiujn tentojn — kaj tiaj ja amasis. Sed same tiom energie, kiom ni kroĉtenas nin al la leĝo, ni kroĉtenas nin ankaŭ al tio, kion ni opinios nia rajto. Ni sangverŝis por la komuna bono, por ĝi ni portas nian ŝarĝon, do ni rajtas ja havi ankaŭ egalecon."
„Kaj, miaopinie, tute prave", kapjesas la gasto. „Nu, por pruvi, kiom

mi simpatias al vi — sciu, ke ĝuste mi konsilis al Krasso tion pri la civitanaj listoj."
La maljunulo surprizite alrigardas lin, poste malrapide diras:
„Mi jam unu fojon demandis, kiel vi nomiĝas. Ne pensu, ke mi altrude scivolemas, ĉar mi ripetas la demandon."
La fremdulo leviĝas preteraŭdante la vortojn.
„Estas jam malfrue", li diras, „kaj morgaŭ, ankaŭ la sekvajn tagojn, ni ambaŭ havos multe por labori. Ĉu vi estos afabla montri al mi la dormolokon?" Treniĝe li iras al la pordo, haltas kaj refoje turniĝas: „Mia nomo? Eh, mia nomo nenion diros al vi: mi nomiĝas Cezaro, Kajo Julio Cezaro."

# ESPERANTO 60-JARA

SKIZO PRI LA EVOLUO DE LA LINGVO LITERATURA

G. J. DEGENKAMP

kun du specimenaj tekstoj:

NEĜA BLOVADO

A. Puŝkin

kaj

CEZARO

(fragmento)

M. Jelušić




1947

Eldonis: Libroservo F.L.E.
Roelantstr. 4, Amsterdam-W.
Nederlando